VIIIa jaro. No 132 ★ Duonmonata ★ 20 Oktobro 1912

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**ABONO**

**Jara abono** . . . . . . **2,00 $** (5 fr. ») 
**Luksa eldono**. . . . . **2,50 $** (6 fr. 25)

*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.*

DIREKTORO :

**HECTOR HODLER**

**REKLAMO**

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco). **20 Sd.**
**Anonceto** (1 linio : 10 vortoj) . **15 Sd.**
**Korespondado** (1 enskribo) . **20 Sd.**

*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj; 50 % por 24 enpresoj.*

**Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)**

## TEKSTO



# LA FINANCA REFORMO de U. E. A.

Kiel niaj legantoj povos vidi en alia parto de tiu ĉi gazeto la financa reformo de U. E. A., konforma al la proponoj de la Komitato kaj de la Kongreso, estis akceptita per granda plimulto. En la momento kiam komenciĝas nova administra jaro por U. E. A., konvenas substreki la konsekvencojn de tiu reformo, kiu signas novan epokon en la historio de nia Asocio.

La ĉefa el la alprenitaj decidoj koncernas la plialtigon de la kotizajo ĝis 1 Sm. La financa raporto, kiu estis diskutita ĉe nia III-a Kongreso kaj sendita al ĉiuj niaj Delegitoj, klare montris, ke kun la ĝisnuna kotizajo, U. E. A. neniam povos normale vivi. Tiel bone, kiel ĉiu, ni scias la riskon, kiun prezentas la duobligo de nia kotizajo, sed la detala ekzameno de la ciferoj kaj pritrakto de la problemo sub ĉiuj ĝiaj aspektoj, konvinkis nin, ke U. E. A., ne povas elekti alian solvon. Cetere, mallonga pripenso tion facile montros al ĉiu membro. Funkciigi la Centran Oficejon de U. E. A., administri la diversajn servojn kaj liveri al ĉiu membro jarlibron, kiu per si mem jam valoras tiun sumon, postulas pli multe ol la modestan kotizajon da 50 sd., kiu ĝis nun provizis nian kason. Kaj ĉar aliparte ni ne deziris retroviĝi ĉiujare antaŭ la sama problemo, ni devis proponi plialtigon sufiĉan por certigi normalan vivadon de U. E. A. Kompreneble kondiĉe ke la membronombro estu ankaŭ sufiĉa. Jen kial ni alvenis al la konklndo altigi la kotizajon ĝis 1 Sm. — sumo, kiu malgraŭ tio restas ankoraŭ tre modesta kompare kun la servoj de U. E. A., kaj la ĝenerala laboro, kiun ĝi plenumas. Ni estas feliĉaj konstati, ke tion komprenis la granda plimulto de niaj Delegitoj, kaj ni esperas, ke ĝin same komprenos niaj membroj, kiuj konservos al ni sian necesan apogon kaj ne ŝancelos pagi la novan kotizajon.

* *

La alia decido rilata al la starigo de garantia kapitalo elvokis preskaŭ nenian kontraŭstaron. Tiu kapitalo celos unuflanke ŝirmi la kason de U. E. A. kontraŭ eventualaj deficitoj, aliflanke ebligi la kreon aŭ subtenon de novaj servoj por kiuj komenca kapitaleto estas necesa. La regularo de tiu garantia kapitalo estas nun ekzamenata de la Komitato de U. E. A. La projekto antaŭvidas, ke ĝi sumiĝos je 10.000 Sm., apartigitaj en 200 partoj po 50 Sm., kaj estas administrata ekster la Centra Oficejo de U. E. A. Por tia relative alta kapitalo, kolekto de laŭvole diversaj sumoj neniam estus sukcesinta ; disigo je pli malaltaj partoj estus plimultiginta la nombron de la alpetotaj personoj kaj de la necesaj klopodoj. Ĉar 50 Sm.. ne superas la financan kapablecon de mezriĉa persono por unufoja donaco, ni kredis pli facile atingi la celon tiel, ol petante kelkajn spesmilojn ĉe pluraj centoj da personoj. Cetere, la membroj, kiuj nur povas doni malpli, facile povos kuniĝi por kolekti la necesan monon kaj kune akiri unu ateston. Ĉiu garantianto rajtos kontroli per voĉdono kaj elekto de tri administrantoj la administradon de l'kapitalo. Plian respondecon la garantiantoj ne havos. La mono apartenos al U. E. A. Ĝi utilos al la plifortigo de la nuna financa stato, al la subteno de la regula administrado kaj precipe al la ebligo de novaj laboroj aŭ servoj por kiuj ne sufiĉas la regulaj enspezoj. Notinde estas, ke la garantiantoj povos repreni la reston de l'kapitalo, se la duono devis esti uzita nur por la regula administrado, sen tio, ke oni povis atingi ke per aliaj regulaj enspezoj la asocio subtenu sin

mem. Fine, ni rimarkigu, ke la nunaj kondiĉoj pri dumviva membreco estas ŝanĝataj tiel ke, en la estonteco, fariĝos dumviva membro ĉiu persono akirinta unu ateston (t. e. paginta 50 Sm.) kaj estos tridekjara Esperantia Entrepreno ĉiuj Esperantaj organizaĵoj akirintaj unu ateston kaj ĉiuj aliaj Entreprenoj pagintaj du atestojn. La garantiantoj ankaŭ senpage ricevos la gazeton *Esperanto*. Ili do havas nedubeblajn profitojn samtempe, kiam ili helpas al la plifortigo de la centra kaso de U. E. A. Jam parto de la kolektota sumo estas promesita. Ni esperas, ke tuj kiam ni aperigos publikan alvokon pri tio, ĉiuj samideanoj, kiuj povas, ĝin favore respondos kaj ne hezitos akiri unu aŭ plurajn partojn por certigi al U. E. A., bonan financan situacion, sen kiu estas ebla nenia serioza progreso.

∴

La tria ŝanĝo jus voĉdonita rilatas al la forigo de la kategorio de la aprobantoj. La sperto de la du antaŭaj jaroj montris, ke tiu aparta kategorio ne respondas grandan bezonon, kaj ke la plimulto de la personoj, kiuj aprobas la celadon de U. E. A., sed ne deziras uzi ĝiajn servojn, tamen preferas aliĝi kiel membroj. Aliparte la ĝisnuna kotizaĵo de la aprobantoj koincidas kun la nova kotizaĵo de la membroj. Ŝajnis do pli simple havi nur unu kategorion de membroj pagantaj 1 Sm. La forigo de la aprobantoj neniel signifas, ke interne de U. E. A., ne povas eniri tiuj personoj, kiuj nur aprobas la celadon de nia Asocio sed ne deziras aktive uzi ĝiajn servojn. Kontraŭe, ni opinias, ke niaj Delegitoj devas fari ĉion eblan por plimultigi la nombron de niaj membroj sin turnante ne nur al la jam Esperantista publiko. Tiu okaze ni deziras forigi malkompreniĝon, kiun ni ofte konstatis ĉe kelkaj el niaj amikoj. U. E. A., laŭ ili, devus enhavi nur Esperantistojn, t. e, personojn, kiuj jam bone scias kaj povas uzi Esperanton ; ĝi estus, laŭ ilia vidpunkto, pure Esperantista organizaĵo. Ni opinias, ke tiu kompreno de la rolo de nia Asocio senutile limigas nian agadkampon kaj plie ne respondas al la celo de U. E. A. tia, kia ĝi estas formulita per sia statuto. Se oni tralegas la unuan paragrafon de la statuto oni konstatos, ke ekzistas nenia regulo, laŭ kiu la aliĝo al U. E. A., estus rezervata nur al Esperantistoj. Tiu limigo estus cetere, en la praktiko, malfacile aplikebla. Ekzistas tra la mondo amaso da homoj, kiuj, kvankam ili nun ne havas la emon lerni Esperanton aŭ ofte uzi niajn servojn tamen volonte konfesus, ke nia Asocio plenumas utilan laboron kaj ĝin helpus per sia aliĝo, se niaj Delegitoj klopodus por tio. Certe tiuj personoj neniam aŭ malofte uzos niajn servojn, sed ili helpos nerekte al ilia bona funkciado — kiu postulas monon — kaj al la diskonigo de U. E. A. Cetere, la sperto ofte montris, ke personoj aliĝintaj al U. E. A., sen firma intenco uzi ĝiajn servojn, iam okaze provis kaj de tiam fariĝis fervoraj membroj. Oni ofte prezentas al U. E. A. kiel imitindaĵon la diversnaciajn Turing Klubajn societojn. Nu, en la plimulto el tiuj societoj partoprenas ne sole personoj, kiuj aliĝis pro la personaj profitoj riceveblaj post la aliĝo, sed ankaŭ multaj aliaj, kiuj fariĝis membroj, ĉar ili konvinkiĝis, ke la societo plenumas utilan laboron por la turismo. Tio same devas okazi ĉe U. E. A. El tio nia Asocio kreskos nombre kaj influe. Ni do varme rekomendas al niaj Delegitoj, ke ili etendu sian varbagadon ankaŭ ĉe neesperantistoj kaj tiel helpu al la pligrandigo de nia membronombro. En ĉiu mezgranda urbo Delegito povus, krom la Esperantistoj, trovi dekon aŭ dudekon da personoj pretaj aliĝi al U. E. A., ĉar ili ŝatas ĝian laboron kaj signifon por la plibonigo de la internaciaj rilatoj.

∴

Por kompletigi tiun skizon de la diversaj konsekvencoj de la jus voĉdonita financa reformo, ni devas noti ŝanĝon en la kotizaĵo de la Esperantiaj Entreprenoj havantaj Esperantistan karakteron. Tiuj Entreprenoj pagis ĝis nun 2 Sm., kaj rajtis enskribon en la Oficiala Jarlibro. Ili de nun pagos 3 Sm., sed, krom la enskribo en la Jarlibro, ili rajtos ankaŭ senpage ricevi *Esperanto'n*. Tiu nova aranĝo kompare kun la antaŭa prezentas al ili videblan profiton, kaj ni esperas, ke ne nur ĉiuj ĝisnunaj Esperantistaj grupoj realiĝos, sed ankaŭ venos al ni novaj. Per nia gazeto ĉiu grupo estos informata detale pri U. E. A, kaj la Esperanta movado ; per la Jarlibro ĝi konigas sian ekziston al nia tuta membraro. Tiun aranĝon ni alprenis por la celo ankoraŭ plifaciligi la kunlaboradon, kiun aliparte garantias la subskribota interkonsento inter U. E. A., kaj la naciaj societoj.

∴

Nia laborprogramo ne bezonas novan komentarion. Ĝi konsistas antaŭ ĉio el praktika agado, el pozitivaj faktoj.

Sed tiu laborprogramo estas plenumebla nur, se U. E. A. povas ekzisti en normalaj financaj kondiĉoj. Ilin certigi estis la celo de nia financa reformo. Sed tiu reformo fruktoportos nur se ĉiuj niaj membroj kaj kunlaborantoj daŭrigos sian apogon, t. e., restas en niaj vicoj kaj penas por varbi al ni novajn fortojn.

De ilia helpado, precipe en tiu ĉi momento, dependas la estonteco de nia Asocio.

H. HODLER.

# Liberaj Vortoj

## Kiel skribi por Gazeto ?

La sperto montris al ni, ke el niaj okazaj aŭ kutimaj korespondantoj, relative tre malmultaj scias skribi gazetartikolon en tia formo, ke ĝi, post legado povas esti rekte transdonata al la presisto. Plej ofte ni devas plene korekti la ricevitajn artikolojn, ilin trakorekti kaj eĉ kelkafoje reverki. Tio trudas al ni longan laboron, kiu povus facile esti evitata se niaj korespondantoj atentus kelkajn tre simplajn regulojn. Plie, la fakto, ke ni estas devigataj plene korekti aŭ refari artikolojn ne estas sen danĝero por la verkintoj mem, kiuj ofte plendas pri mallongigo aŭ kripligo de siaj prozaĵoj, dum sole ili mem estas kulpaj pro malklareco aŭ malkoncizeco.

Ĉu oni do permesas, ke uzante nian sperton, ni donu kelkajn konsilojn al la personoj, kiuj verkas por Esperantaj gazetoj ? Antaŭ ĉio ni parolu pri la enhavo mem.

1. Oni respektu Esperanton same kiel ĉian ajn nacian lingvon, t. e., praktike, oni skribu artikolojn nur, kiam oni sufiĉe scias Esperanton. En tiu rilato, progresoj nepre devas esti farataj. La pli granda parto el la ricevitaj de ni manuskriptoj enhavas erarojn, kiuj povus esti evitataj, se la skribintoj zorge relegus sian manuskripton aŭ, en la okazo se ili ne estas certaj pri sia lingvoscio, ĝin komunikus al sperta Esperantisto, antaŭ ol ĝin sendi al la redakcio. Sendube, Esperanto estas facila lingvo. Tio ne malhelpas, ke oni devas ĝin studi gramatike kaj stile, antaŭ ol verki por gazetoj. Neniu kuraĝus skribi artikolojn en fremda lingvo post du monatoj de studado. Tion tamen faras kelkaj bonintencaj samideanoj, kiuj tuj kiam ili sendis artikolon al iu gazeto konsideras, ke tio kronas ilian lingvoscion de Esperanto. Eraro. Kiom da konataj Esperantistoj ne ankoraŭ sukcesas korekte skribi Esperanton kaj verŝajne neniam sukcesos, ĉar ili opinias, ke ili posedas ĝin tute bone !

2. Ĉar ĉi tie speciale temas pri *Esperanto*, oni verku aŭ traduku nur tiujn artikolojn, kiuj akordiĝas kun la celado de nia gazeto. Tre ofte ni devas forĵeti manuskriptojn, kiuj aludas pri pure nacia fakto kaj, ho ve ! ofte en tia formo, ke ĝi estas pli-malpli

GEOGRAFIO

## La Indiana demando (1)

IV

Mi opinias, ke kelkaj kaŭzoj helpis al la malpaciĝo, kaj neniu el ili unue rilatis al la okupado de la lando per la blankuloj. La ĉefaj el tiuj kaŭzoj estis :

Unue, la tuta malsimileco de la du rasoj, rilate al moroj, moralo, kutimoj kaj religio. Due, la malsamaj lingvoj, pro kiu unu ne komprenis la alian. Trie, la blankuloj ĉiam sin kredas supera raso, kaj ĉiam sin tenadas kontraŭ popoloj de alia koloro kvazaŭ ili estus malsuperaj. Kvare, la rimedoj uzitaj de la registaro.

En la unua rilato, kvankam la enmigrantoj mem forlasis Eŭropon por esti liberaj en religiaj aferoj, ili mem estis netoleremaj al la religio de la indianoj kaj mokis iliajn ritojn.

Ankaŭ, bedaŭrinde, inter ĉiu grupo de popoloj, civilizaj aŭ necivilizaj, kie ajn oni serĉas, oni trovas friponojn kaj malhonestulojn kiuj serĉas nur sian propran profiton. Se iu faris maljustaĵon al indiano, la viktimo ne nur konsideris responda la realan kulpulon sed li kulpigis lian tutan grupon aŭ rason, kaj faris sian venĝon sur la kapon de la unua ano el tiu grupo aŭ raso, kiun li renkontis en oportuna cirkonstanco. Krom tio, kiel mi antaŭe diris, la indiano tute ne konis la vortojn nek la sencon de bono kaj malbono laŭ la morala vidpunkto de la blankuloj. Li estis lerta trompisto kaj ŝtelisto kaj, inter sia propra popolo, fiere proklamis sian kapablecon en tiu rilato. La leganto facile komprenos la rezulton de la interrilatiĝo de du popoloj, kiuj havas tiajn malsimilajn vidpunktojn. La blankuloj mem estis plej multe malkleraj, la plimulto el ili tute ne sciis legi nek skribi, kaj tiel netoleremaj kiel kutime okazis inter tiaj malkleruloj. Laŭ mia opinio la malpaciĝo estis nur la neevitebla konflikto okazanta el la interrilatiĝo de du tiaj malsimilaj rasoj. Kompreneble la malsimileco de la lingvoj helpis al la malkompreno, kaj pri sento da supereco de la blanka raso nenion faris por malhelpi la aferon.

Tio prirespondas iamezure la unuajn kaŭzojn de la malpaciĝo. Sed, por la daŭrigado de la afero dum tiom da jaroj, miaopinie la Usona registaro estis kulpa. Tio okazis, ĉar la registaro ĉiam klopodis traktadi kun la indianoj kvazaŭ ili estis liberaj kaj sendependaj nacioj, havantaj memstarajn registarojn, dum la fakto estis ke la traktatoj, subskribitaj kaj konsentitaj de la ĉefoj tute ne estis devigaj al iliaj subuloj. La registaro bone sciis la situacion sed daŭrigis la sistemon dum multaj jaroj. Fojon post fojo ĝi faris traktatojn kun la ĉefoj ; tiujn traktatojn la subuloj malobeis, kiam ajn plaĉis al ili. Kiam grupo da indianoj, malgraŭ la interkonsentoj de la traktato, faris militon, la soldatoj de la registaro tute ne punis ilin, sed tuj faris novan traktaton.

En preskaŭ ĉiu instanco kiam, la registaro faris traktaton kun la indianoj, la indianoj konsentis loĝi pace en unu regiono kaj ne fari pluan militon kontraŭ la blankuloj. Siaflanke la registaro promesis malpermesi al blankuloj, ke ili eniru la difinitan regionon apartigitan al la indianoj, kaj ankaŭ, pro la perdo de ilia ĉasregiono, la registaro promesis regule fari donacojn da manĝaĵo kaj vestaĵo al la indianoj tiel longe, kiam ili obeos la traktaton. Kaj, laŭ ĝia povo, la registaro plenumis sian promeson, sed bedaŭrinde, la plej multo el la agentoj difinitaj de la registaro por prizorgi la aferojn rilate al la traktato, estis trompistoj kaj malhonestuloj kiuj, per siaj oficoj, trompis la indianojn, kaj ofte kolerigis ilin kaj kaŭzis militon.

En la internajn aferojn de la indianoj la registaro tute ne sin miksis, sed kia ajn krimo estis farata inter ili mem estis alĝustigata de ili laŭ iliaj propraj leĝoj kaj kutimoj.

La rilato, en kiu la registaro precipe eraris estis ke, en la unua instanco, ĝi ne submetis la indianojn kaj devigis ilin vivi sube, kaj sin alĝustigi al la leĝoj al la Usona registaro, anstataŭ permesi al ili resti sub la barbara stato de la prapatroj. La indianoj estis kompetentaj, kapablaj kaj inteligentaj homoj, kaj estus bonaj regnanoj, se tio estus deviga

(1) Vidu *Esperanto* de 5 junio, 5 julio, 20 septembro.

---

ofenda por alia popolo. Oni ankaŭ ne sendu artikolon pri ia ajn malgravaĵo, pure loka, aŭ pri iu fakto, kiun priparolis ĉiuj aliaj gazetoj de l'mondo. Laŭ la artikoloj jam aperintaj en nia rubriko « Socia Vivo » oni facile povas vidi, kiujn artikolojn ni preferas kaj deziras. Ni antaŭ ĉio deziras, ke *Esperanto* estu serioza, utila dokumentilo kaj interŝanĝilo de ideoj kaj sociaj spertoj, konservante tamen sufiĉe popularan karakteron.

3. Kiam oni sendas al ni notojn pri la Esperanta movado (kaj tiajn ni deziras multnombre ricevadi), oni estu preciza kaj konciza. Multaj personoj longe priskribas feston aŭ paroladon, sed ne diras, kiam ĝi okazis kaj kiom da personoj ĉeestis. Por tiaj novaĵoj oni uzu telegraman stilon. La manko de loko devigas nin forigi ĉiujn komentariojn kaj priskribojn, kiuj pro sia sameco ne plu estas interesaj. Ĉiu scias, ke Esperantoj paroladoj aŭ festoj similas unu la alian, ke la paroladisto estis « elokventa », ke F-ino X. « kantis bonege », ke la balo estis « tre ĝoja » ke nia « kara lingvo » progresas kaj ke telegramo estis sendata al nia « genia majstro ». Multaj faktoj per malmultaj vortoj, tia estu nia devizo. Agante tiel oni evitos al si vanan penon por skribi vortojn, kiuj estos surstrekataj de nekompatema korektanto...

Same gravaj estas la rimarkoj, kiujn oni povas fari pri la formo mem de la manuskriptoj.

1. Kiel oni devas respekti Esperanton, tiel same oni devas respekti la redaktoron kaj la presiston, t. e., praktike esprimite, skribi legeblajn manuskriptojn. Kiom da personoj skribas manuskriptojn tute kiel privatan leteron, senorde kaj nelegeble, eĉ skribas artikolon sur la sama folio kiel la leteron, sen ia konsidero pri la posta represo.

2. La legebleco de manuskripto dependas ne nur de la literoj, sed de la ĝenerala aspekto. Artikolo, kies literoj estas bone skribitaj, estas tamen malfacile legebla, se la skribado estas tro densa, se la interliniaj spacoj kaj la marĝenoj estas mallarĝaj. Oni lasu kiel eble plej multe da spaco kaj ne ŝparu la paperon.

3. La diversigo de la tipografiaj tipoj (dikaj aŭ kursivaj literoj, literegoj, literetoj) estas montrata per specialaj substrekoj, kiujn la plimulto de la skribantoj ne povas koni (escepte se ili mem rilatis kun presistoj). Ili do evitu ĉiun ajn substrekon aŭ similan signon, kiuj povus nur konfuzigi la kompostiston. Aldonado de tiuj signoj estas la tasko de la korektanto de l'artikoloj.

Resume : skribu legeble, sur unu flanko de la paperfolio, lasante larĝajn marĝenojn kaj interspacojn, substrekante neniun vorton.

Se via manuskripto konformiĝas al la supraj reguloj, ĝi ĉiam estos favore kaj ĝoje akceptata de la redaktoro, kiu zorgos pri ĝia plej baldaŭa apero. Se ne...

H. H.

al ili. Mi konsentas, ke la manoj de la registaro estis iom ligitaj de kelkaj molkapaj malsaĝuloj, kiuj ĉiam plendis, ke la registaro agis kruele al la malfeliĉaj sovaĝuloj. En tiu rilato tiuj ĉi molkapuloj tre similis la ŝufariston, kiu havis junan hundon. La ŝufaristo volis detranĉi la orelojn de la hundido por ĝin plibeligi. Li estis bonanima homo kaj li ne volis dolorigi la hundon tiom, kiom okazus se li detranĉus la tutan orelon per unu fojo; tial li detranĉis nur malgrandan pecon ĉiu tage ĝis kiam la oreloj estis sufiĉe mallongigitaj.

Mi nun pritraktis, en mallonga artikolo, temon por kiu taŭgas kelkaj ampleksaj volumoj. Ĉiu paragrafo de mia artikolo nur resumas temon, kiu meritas tutan volumon. Sed mi nur deziris montri, ke la malpaciĝo inter la du rasoj estis nur la elkreskaĵo de la enradikitaj trajtoj de la homa naturo, kie ajn oni ĝin trovas. Mi ne kulpigas la indianon, mi ne kulpigas la blankulon. Ke la malpaciĝo havis komencon, estas nedisputeble, sed neniu konas la unuan kulpulon, nek scias la unuan kaŭzon. La nura rimedo estas konkludi, ke ĝi estis la neevitebla rezulto de la interrilatiĝo de du tiaj malsimilaj rasoj.

F. P. Zent (Del. Anacortes, Wash.).

KOMERCO

## Fabrikmarkoj

Okazis en Londono, antaŭ kelkaj semajnoj, kongreso de la Internacia Asocio por la Protektado de Industriaj Propraĵoj. Prezidis du famaj juĝistoj anglaj, Lord Alverstone kaj Sir John Fletcher Moulton. La nombro de la oficialaj delegitoj kaj anoj de la Kongreso superis 225, el kiuj 95 estis Britoj, 38 Germanoj, 31 Francoj, 15 Belgoj, kaj la aliaj el Aŭstrio-Hungarujo, Italujo, Danujo, Norvegujo, Svedujo, Hispanujo, Usono kaj Brazilujo. La registaroj de 11 landoj sendis delegitojn, kaj ankaŭ kelkaj komercaj ĉambroj. La parolantoj estis preskaŭ egale dividitaj inter tiuj, kiuj parolis angle, kaj tiuj, kiuj uzis aliajn lingvojn, kaj la lingva diverseco estis sukcese superita (tiel oni diris) per la disdonado de tradukoj poste.

Unu el la plej gravaj diskutoj estis tiu pri fabrikmarkoj, la ĉefa konkludo estas, ke la veran posedrajton, en okazo de disputo pri fabrikmarkoj, devis havi tiu, kiu unue *uzis* la markon, ĉu registrita aŭ ne.

Oni trovos ĉi-sube la ĉefajn argumentojn uzitajn de la aŭtoro de la memuaro, S-ro Riley, kiu elmontris ilustraĵojn rilate al imitaĵoj kaj rompadoj de kombinitaj koton-markoj, registritaj kaj ne registritaj — pri kiuj li persone havis sperton, por ke oni povu kompari la originalojn kaj la imitaĵojn, kiuj estis jam malpermesitaj. La Kongreso tre interesiĝis pri tiuj-ĉi ilustraĵoj, kiuj klarigis al multaj la manieron laŭ kiu oni preparas la kombinitajn markojn uzitajn por kotono.

La Kongreso voĉdonis preskaŭ unuanime la sekvantajn rezoluciojn :

1. La kongreso esprima la deziron, ke en ĉiu lando ia distingilo, kiu estas konata en komerco kiel la signo de iu speciala fabrikisto aŭ komercisto, estu protektita (aparte de la registaro) kontraŭ malhonesta konkurado, t., e. kontraŭ la uzado, kiu celas krei konfuzon ĉe la publiko.

2. « La regnano aŭ burĝo de iu stato de la Unuiĝo, kiu estis la unua uzanto de ia distingilo en ia ŝtato de la Unuiĝo en tia maniero, ke ĝi estis konata en komerco kiel la distingiga marko de liaj komercaĵoj, povas, se alia persono poste havigas al si la registron en tiu ŝtato, tamen daŭrigi la uzadon de tiu distingilo ĝis la limoj de la kondiĉoj de honesta konkurado ».

Oni poste elektis specialan komitaton por la plua konsidero de la demando pri « nehonesta konkurado » kaj la leĝoj pri tiu, kiujn oni povus konvene rekomendi al la diversaj Registaroj reprezentitaj ĉe la Kongreso.

La rezultato de la ĉiujaraj kongresoj de tiu ĉi Asocio estas la starigo de internaciaj aranĝoj, kiuj havigos gravan profiton al la internacia komerco. La rezolucioj faritaj frapas la atenton de la diversaj Registaroj, kaj tiamaniere la demandoj pri leĝoj kaj proceduroj rilate al patentrajtoj, fabrikmarkoj kaj desegnoj estas bone disvastigitaj.

* * *

*Rajtoj pro antaŭeco de uzado.* — La publika uzado estas la fundamenta kondiĉo de la posedo de fabrikmarko.

Fabrikmarko estas la marko uzata en la komerco de iu persono rilate al aparta speco de komercaĵoj. Por ke « marko » fariĝu « fabrik-marko » ĝi unue devas kunrilatiĝi kun la specialaj komercaĵoj de iu certa persone, laŭ publika kono, kaj ĝi ne povas tion fari ĝis kiam oni jam ĝin uzis ĉe tiaj komercaĵoj en la ordinara negocado.

Estas tiel, uzado — kaj ne la registrado — kiu donas la veran titolon al la posedo de fabrikmarko. Tiun ĉi fakton oni ne ĉiam rekonis, ĉar dum multaj jaroj post la starigo de la Brita « Trade Marks Act », en la jaro 1875, oni superstiĉe kredis ke se marko ne estis registrita, ĝi malmulte valoris, kaj ke la registra titolo donita de la leĝo estis sufiĉe pli alta ol la titolo de neregistrita marko por praktike nuligi ties valoron. Kiam ajn okazis disputo, la unua demando estis, ĉu aŭ unu aŭ la alia marko estis registrita ; ĉar la ideo estis, ke se unu estis registrita kaj la alia ne, oni ne povis multon diri por la neregistrita marko. Eĉ nuntempe, tiu ĉi ideo ne estas tute forigita. La ĉefa diferenco inter ambaŭ — kaj diferenco kiun oni supozis tre favori la registritan markon — estis, ke la pruvo pri la registro estis la sola, kiun oni postulis por starigi la ekskluzivan titolon de la registrita posedanto. Aliflanke, la posedanto de neregistrita marko devis pruvi sian titolon per atestaĵoj, kiam ajn estis necese subteni aŭ defendi ĝin. Tion li ankoraŭ devas fari.

Post iom da tempo, tamen, estis vidite, ke la registrado vere estis nur la oficiala rekono de posedanteco, kaj ke ĝi povis esti nuligata de persono elmontranta pli bonan titolon pro la antaŭeco de uzado. Ankaŭ montriĝis, ke — kvankam la fakto de la registrado simpligis la leĝan pruvon de la titolo de marko — tamen la propraĵo en neregistrita marko estis egale bona, se la titolo estis laŭmetode pruvita per atestaĵoj.

Do, oni spertis ke — en okazo de konflikto inter posedanto de registrita marko kaj posedanto de marko, kiu ne estis registrita — ne sufiĉis konfidi sole je la registro, sed oni ankaŭ devis esti preta por pruvi la antaŭecon de uzado, ĉar se la kontraŭulo tion povis fari, tiam pro tiu sola fakto, la titolo de la neregistrita marko superis la nuran leĝan titolon donitan de la registro.

Tre grava rezultato, kiu elvenis el tiuj konkludoj, estis la fama regulo nomita « la kondiĉo de Lord Herschell » kiun oni enmetis en la Brita « Trade Marks Act » de 1887, kaj kiu celis malhelpi la trompemajn imitaĵojn de la kombinitaj markoj, kiujn oni uzas en la koton-komerco. Tamen, ĝi ankaŭ egale valoras por ĉiuj negocoj, kaj deklaras, ke la punoj nomitaj en la Leĝo « rilatas al la almetado al komercaĵoj de iaj figuraĵoj (desegnoj) vortoj aŭ markoj, aŭ kombinaĵoj de tiaj, kiuj estas kalkulataj kredigi al la publiko, ke la komercaĵoj estas fabrikataj aŭ preparataj de persono, kiu ne estas la vera fabrikanto aŭ preparanto ».

Tiu ĉi decido egaligis ĉiujn fabrikmarkojn — ĉu registritaj aŭ ne — kaj starigis firme la regulon, ke la titolo sole sin apogas sur la pruvo de antaŭeco de uzado en la preciza vendejo, kie la konfliktantaj markoj estas uzataj, kaj faris tiun antaŭecon la sola pruvo de la disputo.

Jen ilustraĵo de tiu ĉi simpla sed potenca instrumento por malhelpi la imitaĵojn de fabrikmarkoj :

« A » estas Manĉester'a ekspedanto de kotonaĵoj, kaj la posedanto de registrita fabrikmarko por kotonaj drapoj ĉiuspecaj.

« B » estas Manĉester'a ekspedanto de similaj komercajoj kaj la posedanto de neregistrita marko, aŭ la sama kiel, aŭ treege simila al, tiu de « A ». « A » regule ekspedas al Sud-Ameriko, kaj « B » regule ekspedas al Hindujo. Tial, ne okazis ia konflikto inter la du markoj en la respektivaj vendlokoj. Sed « A » decidas ekspedi al Hindujo. Liaj komercajoj, kiam ili atingas la enirhavenon, estas haltigataj de la oficistoj (laŭ la Hinda Komercmarka Leĝo) pro tio, ke la fabrikmarko kiun ili portas, tiom similas la markon de « B » ke la publiko trompiĝos. « B » procesas kontraŭ « A », aŭ en Manĉestero aŭ en Hindujo, kaj deklaras ke li sole uzis la markon cititan en Hindujo dum kelke da jaroj, ke ĝi longe kunrilatiĝis kun siaj komercajoj en la Hinda vendloko, kaj ke « A » neniam antaŭe ekspedis komercaĵojn al Hindujo sub sia propra marko. « A » pruvas la registradon, kaj argumentas, ke pro ĝi li rajtas uzi sian registritan markon sur kotonaj drapoj kaj ekspedi ilin ien ajn. Nun, la sola demando laŭ la Herschell'a kondiĉo estas ĉu aŭ ne la uzado de la marko de « A » sur tiaj drapoj ekspeditaj al Hindujo estas kalkulata kredigi al la publiko, ke la drapoj estas tiuj de « B »! Se oni decidas ke jes, oni kulpigas « A », spite la registrado, escepte, se li pruvas, ke li ne havis trompan intencon.

La Komerca Ĉambro de Manĉestero unuanime opinias, (kaj ankaŭ multaj aliaj ekspedantoj) ke estos saĝe, en la interesoj de la posedantoj de fabrikmarkoj en ĉiuj partoj de la terglobo, apliki la principon de la « Herschell'a kondiĉo » universale. Oni povus tion fari aŭ per la starigo en diversaj landoj de leĝo kun similaj kondiĉoj, aŭ per internaciaj kondiĉoj, aŭ per internaciaj konsentoj laŭ la principo, ke la tilolo devas esti la antaŭeco de uzado en la koncernita vendloko.

La merito de la kondiĉo estas, ke ĝi prezentas, laŭ leĝa formo, tre simplan kaj racian proponon, kiun neniu Kortumo aŭ honesta persono, en iu lando, kuraĝus disputi, kaj la reguloj de kiu estas aplikeblaj tra la tuta mondo (1).

IDEOJ & FAKTOJ

## Pri la ĝardenurbo Hellerau

En la tuta mondo preskaŭ samtempe, antaŭ nur tre malmultaj jaroj, ekvivis la ideo krei per celkonscia interna koloniigado pli bonajn kaj pli malmultekostajn loĝejojn. Pli bonajn per prudenta aranĝo de la tuta kolonio. Pli malmultekostajn per evito de ĉiu spekulacio plikostiganta la grundon.

Baldaŭ oni en diversaj landoj iris al la praktika laboro, oni fondis koloniojn kaj nomis ilin « ĝardenurboj », ĉar ili ja ĉiuj, por esti pli allogaj al loĝado, laŭ la planoj de la fondintoj devis esti kiel eble plej enkadrigitaj en verdajn kaj kolorajn kreskaĵojn. La legantoj de *Esperanto* jam kelkfoje legis priskribojn de tiaj ĝardenurboj en diversaj landoj, eble ili interesiĝos iom pri unu el la germanaj ĝardenurboj, pri Hellerau apud Dresden.

Se iu nur antaŭ kvar jaroj iris de Dresden en norda direkto, al la vilaĝo Klotzsche, estis trairinta la armefiskajn areojn, Dresden Albertstadt, li vidis antaŭ si la grandegan militistarekzercejon, sablo-dezerton, kaj tute malproksime, tie, kie ree komenciĝas la arbaro, kelkajn montetojn kun kampoj, ne unu domon kaj nur malofte laborantan kamparanon. Kaj nun? Kvazaŭ sorĉe montriĝas tie antaŭ la okuloj de la vizitanto granda amaso da belaj, blankaj dometoj kun ruĝaj tegmentoj kaj ĉirkaŭitaj de florantaj ĝardenoj. Jen Hellerau. Kiel ebliĝis tiom rapida kreado de tiu bela urbeto? Nu, kiel ĉio, el la bezono. Grandstila industria entrepreno, la « Germanaj metiejoj por metia arto », tiam en Dresden-Striesen, nepre devis krei al si modernajn laborejojn, en la urbo ĉie la grundo estis tro kosta kaj la estro de la nomita firmo serĉis spacon ekster la urbaj limoj. Al li plaĉis la regiono nun priparolita kaj li energie decidiĝis, fondi ĉi tie ĝardenurbon, kies krono estu la fabrikejo de la « Germanaj Metiejoj ». Baldaŭ sin trovis interesuloj, fondiĝis Societo por la kreado kaj subtenado de la ĝardenurbo Hellerau (nomita laŭ la gastejo proksima « La lasta helero »), la societo aĉetis la fundon de la ĝisnunaj posedantoj kaj igis la bonekonatan München-an arĥitekton Richard Riemerschmid starigi konstruplanon por la tuta regiono de ĉirkaŭ 130 hektaroj. Tiu ĉi plano dividas la regionon en parton por malgrandaj loĝejoj, en duan parton por pli grandaj kampodomoj, en trian por la « Germanaj metiejoj »; kvaran parton oni rezervas por pli malfruaj uzeblecoj, dum kvinan parton — kuŝantan proksimume en la centro de l'tuta regiono — oni destinis por komunaj celoj. Por garantii konstruadon de domoj en nur efektive bonaj estetikaj formoj, kiuj harmonias kun la pejzaĝo kaj la najbaraj konstruaĵoj kaj evitas ĉian unuformecon, oni en komisiono konsistanta el kompetentaj arĥitektoj kaj artistoj starigis « konstruad-regularon », kiu trovis la konsenton de la registaro kaj kies bona influo montriĝos ĉie en Hellerau, pruvante, ke povas ekzisti moderna urbo sen la ĉie troveblaj modernaj malbongustaĵoj.

La konstruado komenciĝis ĉe la plej malalta parto de l're-giono, ĉi tie leviĝas nun la fabrikejo, starigita en simplaj, grandliniaj formoj kun multaj bone disdonitaj fenestroj kaj altaj tegmentoj; tenejoj ĉirkaŭas la grandan korton kaj fermas en forta linio la fabrikareon kontraŭ la strato. Interne la laborejoj estas vastaj, riĉaj je aero kaj lumo, kaj prizorgitaj per ĉiuj aranĝoj elpenseblaj por gardi la sanecon de la laboristoj. Multaj el la laboristoj de tiuj « Metiejoj » nun loĝas en la apude komenciĝanta parto por malgrandaj loĝejoj. Kaj kiel bone ili fartas, ili, kiuj nun ne plu bezonas loĝi en la urba ŝtonmaro, kune kun centoj da aliaj homoj en unu granda domo! Ili ĉiuj ĉi tie loĝas kun la familio en unu domo tute sola, kiu havas krom la teretaĝo nur unu plian etaĝon kaj kies kuirejo ofte estas aranĝita kiel loĝebla ejo; ili havas en tiuj dometoj ĉiun komforton — akvon, elektran lumon, necesejon kun akva purigado, grandan kelon kun lavejo ktp.; — la ĉambroj estas praktike aranĝitaj, sen nenecesa ornamo, tamen agrable pentritaj, grandaj fenestroj ebligas sufiĉan eniradon de suno kaj aero, kaj antaŭ kaj post la domo estas ĝardenoj uzeblaj por plantado de legomoj kaj floroj kaj kiel ludejo por infanoj. Ĉiam ok ĝis dek domoj formas grupon, tio igas la konstruadon pli malkosta kaj la domoj estas ŝirmataj kontraŭ la vetero unu per la alia. La jara luprezo de tiaj domoj kostas po 130 ĝis 200 Sm. ĉiu luanto devas aparteni al la « Konstruunuiĝo » kaj dum li mem estas tute libera, malligi eventuale la kontrakton, la unuiĝo ne havas la rajton tion fari tiel longe, kiel la luanto plenumas siajn devojn. Por iĝi membro de la konstruunuiĝo sufiĉas pago de malgranda akcio — eĉ en posemajnaj partopagoj de 0.25 Sm., — do estas ebla preskaŭ al ĉiu havigi al si la feliĉon loĝi en Hellerau, eĉ se lia laborejo estas en la urbo Dresden, ĉar per fervojo kaj tramo la interkomunikado estas tre faciligita. Kaj multaj jam komprenis la valoron de tia loĝado, en la daŭro de ne tute tri jaroj ekloĝis en tiaj malgrandaj domoj jam pli ol 400 familioj, ili ĉiuj estas kontentaj, kaj tio allogas aliajn. Ke la prezo de la loĝejoj estas tiel malaltaj, estas nur ebla per la fakto, ke la konstruado okazas kune kaj per tio tre racie, kaj ke la akiradon de la fundo plifaciligas la malaltaj procentoj, por kiuj la imperiaj laboristaj asekurejoj donas la necesan kapitalon. Ili bone agas, tion farante, ĉar per plibonigado de la loĝejaj cirkonstancoj pliboniĝas la saneco kaj laborkapableco de l'laboristo, kiu do reprezentas eble la plej gravan parton de nacia posedaĵo en ĉiu lando.

Suprenirante al la altaĵo de l'regiono, transirante la placon, kie stariĝas iom post iom magazenoj, domoj, poŝtejo, lernejo, domo por needziĝintaj laboristoj kaj komunuma

(1) El *Manchester Chamber of Commerce Journal*, trad. J. H. Fitton.

gastejo, ni atingas la parton de la kampodomoj. Ili same kiel la malgrandaj domoj estas konstruitaj laŭ plano de eminentaj arĥitektoj, bonege harmonias kun la pejzaĝo kaj evitas absolute la malagrablan bildon de nesistema intermiksaĵo, kiun ni rimarkas en la antaŭurbaj « elegantaj » stratoj de niaj urbegoj. Tiuj kampodomoj apartenas plejmulte al la societo mem kaj estas lueblaj por 300 ĝis 1000 Sm. jare. Aliajn pli grandajn domojn oni ankaŭ starigis kun luprezo de eĉ pli ol 1500 Sm., ili ĉiuj trovis aĉetantojn kaj reprezentas trian tipon en Hellerau. Ĉiam multiĝas la anoj de tiu nova komunumo, vastiĝas la ĝojiga fakto, ke bone estas restadi en Hellerau, kaj tiu sento, de kiu neniu, eĉ ne nura vizitanto, sin povas liberigi, certe estas garantio por bona estonteco de nia ĝardenurbo kaj de multaj, multaj aliaj enkaj eksterlande. Pri la plej nova kaj tre grava akirajo de Hellerau, pri la nove fondita « Ritma edukejo laŭ la metodo de E. Jaques-Dalcroze » mi raportos en estonta artikolo.

Johannes Karsch (Del. Dresden).

## Turka edziĝo en Bosnio

« Ĉu vi kun mi hodiaŭ posttagmeze vizitos la familion Csengics-beg? La juna fianĉino hieraŭ vespere alvenis kaj hodiaŭ estos la edziĝa festo. Por la familio certe estos honore, se vi aperos inter la gastoj ! »

Tion parolis la aminda instruistino de urbeto en Hercegovino, kie ni nuntempe loĝas. Kompreneble mi tuj konsentis, ĉar la fremdaj moroj kaj kutimoj de ĉi tiu lando incitis jam mian scivolon.

Por honori la orientajn gastigantojn mi aranĝis mian tualeton pli brile kaj lukse ol estas la kutimo en nia societo. Al la vesto el hela mola siringkolora silko mi donis pli da juveloj ol la bongusto postulas. Sed laŭ la riĉeco de l'ornamaĵo la turko taksas la honoron montratan al li ; ju pli da oro kaj juveloj ornamas la veston kaj la personon, des pli granda estas la reputacio kiun la gastino ĝuas ĉe ili kaj des pli ŝatata estas ŝia alveno. Oni ne eniru la domon de turko kun malplenaj manoj, precipe ne okaze de festo. Mi kunprenis tial bombonujon (ĉar dolĉaĵoj kaj parfumoj estas de ĉiu turkino deziregataj) kaj la kutiman dukaton.

Je la kvara posttagmeze amikino iris al mia renkonto. Antaŭ la festa domo premiĝis multaj geinfanoj, kiuj alterne kriis, dancis kaj interbatis ; tiarilate la infanoj de ĉiuj popoloj similas. En la interna korto regis vigla vivo ; laŭ la akraj sonoj de tirharmoniko, preferata instrumente de l'turkoj, turniĝis knabinoj kaj junuloj, dancante la nacian dancon, la *kolo*'n. Tiu ĉi estas esence mezepoka rondodanco : unu vico de junuloj sin prenas reciproke je la manoj kaj moviĝas laŭ la ritmo de l'muziko en cirkloj kaj serpentlinioj ; la dancantoj akompanas la muzikon per unutona kantado ; la melodio estas simpla sed tre akcentita. Ĉe la konstanoj (grekoj kaj katolikoj) dancas la hercegovoj de ambaŭ seksoj miksite, dum la turkoj dancas la *kolo*'n laŭ seksoj malkune. La apartigo de l'seksoj estas ĝenerale ne tiel rigora en Bosnio kaj Hercegovino, kiel en orientlando ; la diversseksaj junuloj povas en la domo senĝene komunikiĝi reciproke, kompreneble nur geturkoj inter samnaciuloj. Al neturkaj viroj estas malpermesite rigardi plenkreskajn knabinojn kaj virinojn ; tial la turkino kaŝas sin sub vualo, se ŝi paŝas ekster la domon. Nur la kuna vivado, kiu ĉe ni estas kutima, ne okazas ĉe la turkoj ; estas nepermesite al virinoj kaj knabinoj, eniri la *selamlik*'on (virejon), kaj al viroj la *haremlik* (virinejo) estas fermita. Mi ĉiam estis aŭdinta pri la plej rigora apartigo de l'seksoj kaj la aspekto en la korto surprizis nin, ĝis mi ricevis suprecititan klarigon.

Ni babiladis iomete en la korto poste ni direktiĝis al la domo, je kies ŝtuparoketo nin atendis la domestrino, tiuokaze la patrino de l'fianĉo, kaj nomis nin bonvenintoj. Ŝi portis la festokostumon de mahometa hercegova nobelino. La larĝa *dimnio* speco de vastaj pantalonoj kiuj je la genuo ligitaj falas ĝis la maleolo kaj atingas ofte la larĝecon de kvin metroj — konsistis el peza helblua silka orŝtofo ; la supran parton de l'korpo kovris tute moderna bluzo el la sama ŝtofo, sed tuj rekonebla estis la plej nova *Wien*'a primoda ĵurnalo. Tiuj ĵurnaloj jam eniris la turkajn virinejojn kaj la Pariza modo falsas la belan antikveturkan kostumon, kiu en sia belegeco preskaŭ jam fariĝis mito ; nur en malmultaj Beg-familioj kelkaj pecoj estas konservataj. Sed kompensis anstataŭ tio la luksa, kelkarilate stranga ornamaĵo. La korpomezon ĉirkaŭis zonumo, tute el orfiligrano kaj fermita per agrafo maŝoforma el la sama metalo. Ĉirkaŭ la kolo pendis peza orĉeno kun kelkaj medalionoj kaj fine horloĝo — kiu neniam funkcias. La turkino portas horloĝon nur kiel ornamaĵon ; plej malofte ŝi nur konas la turkan tempodividon kaj la turkajn ciferojn ; tamen neniu eleganta turkino volus nehavi la horloĝeton, kiun ŝi portas sur la maldekstra brusto fiksite per pinglo. Multaj braceletoj — ĉiam duope — ĉirkaŭas la brakojn, kaj preskaŭ je ĉiu fingro troviĝis unu aŭ pli da ringoj ; nur al virinoj estas permesite porti ringojn, ne al junulinoj. Laŭ hercegova maniero nia gastigantino portis sur la kapo la porvirinan feson. Estis malhelruĝa ĉapeto, je la malsupra rando garnita per nigraj silkofranĝoj, kaj sur kies supra rando larĝa tri ĝis kvar centimetroj estis fiksitaj vicoj el malfalsaj perloj, dense kunigitaj. La rondon ornamis dukatoj kiel sur turo suprenirante, dum la pinton formas tufo el malfalsaj perloj. Tiun feson oni portas meze de l'frunto, duone sur ĝi, duone sur la disigita hararo. Super ĝi estis metita la *jasmak*, vualo el silkogazo kun bele manfaritaj pasamentoj, kaj portante de dek al dek centimetroj de larĝeco libere pendantan floreton el puntoj. Edzinoj devas kaŝi sub la *jasmak* kapon kaj kolon, ĉar por la turkino estas hontige, se oni povas vidi orelojn, harojn kaj kolon.

Nin salutinte, kondukigis nin la mastrino en la *haremlik*'on, kie la fianĉino nin akceptis. Se knabino fianĉiniĝis, ŝi devas forresti de ĉiuj festoj ; ŝi devas sin gardi ke neniu vira okulo ŝin vidu ; la rigora enfermiteco de l'haremo komencas por ŝi. Ĉarma juna knabino ŝi estis el la meza Bosnio, kaj inter la multaj fremdulinoj plena de timemo kaj embaraso. Ankaŭ ŝi brilis en plena festornamo, kiu havis diference je tiu de l'patrino la ĉefkoloron roza. Blanko estas ĉe la turkoj la koloro de l'funebro kaj ne estas portata ĉe edziĝoj. La ornamaĵo de l'fianĉino estis iom alie ol tiu de l'bopatrino, ĉar ŝi portis ĉirkaŭ kolo kaj brusto perlojn kaj dukatojn. Portadi tiujn dukatojn certe ne estas agrable pro la varmego. La kolumo de l'fianĉino konsistis el almenaŭ 35 ĝis 40 pecoj da ormoneroj po kvindek kronoj (Sm. 20.80); tio estas moneroj en la grandeco de la arĝentmoneroj po kvin kronoj, kaj malgraŭ tio ke estas aŭstria mono, mi la unuan fojon vidis ĝin ĉe la turkinoj. Cetere estis ankoraŭ longa ĉeno el ormoneroj po dudek kronoj (Sm. 8.32) ; ĉirkaŭ la kolon ŝi do portis grandetan riĉecon. Sur la kapon ankaŭ ŝi estis metinta malgrandan feson, sed sen franĝoj, perloj kaj dukatoj ; anstataŭ tio ĝi estis garnita per florbranĉo el briliantoj tenanta la *jasmak*'on, kiu libere malsuprenpendis super la haroj plektitaj en tri ligoj. Estas specialeco de l'turkinoj, tiel plekti la harojn kaj ilin helruĝe kolorigi ; ili distingigas sin per tio de l'serbinoj, kiuj portas kiel knabinoj nur nekoloritan harplekton. Bedaŭrinde oni jam tie ĉi ekkonas la falson : ne ĉio estas nature kreskita, kion knabinoj kaj virinoj fiere montretas al ni..... Laŭ la bosnia kutimo portis la fianĉino super la hararo kronon el dukatoj — oni do vere ne ŝparis oron por ornami la fianĉinon. La vestaĵo estis ornamita per multege da mirtobranĉetoj, la malgrandajn piedojn vestis blankaj orbroditaj atlaspantofletoj. — Post la

kutima saluto ni sidiĝis apud la aliaj gastoj, nur virinoj el la altranga turka societo.

(*Daŭrigota.*) Luise Schwande,
Trad. Karl Bartel (Graz).

## La Kunularo

II

Por sin dungigi, la kunulo sin turnas al la « rouleur », kiu vizitas mastrojn kaj diskutas pri laborkondiĉoj, ĉar oni ne akceptis, ke laboristoj diskutu mem, tiamaniere, ili ne estos devigataj akcepti nesufiĉan salajron. La tiel dungitan laboriston kontrolis la Kunularo. Se la mastro ne estas kontenta pri la laboro, li plendas al la ĉef-kunulo, kiu klopodas kontentigi ĉiujn; se la mastro estas malbona aŭ postulas troan laboron, la dungito sin turnas al la sama; se la mastro ne ŝanĝas sian agmanieron, li ne plu trovos laboristojn.

Dungite, la kunulo daŭras manĝi ĉe la « Patrino » — ĉiuj sidas ĉirkaŭ la sama tablo, la ĉefa kiel la aliaj. La societo, trovinte laboron al la nova, lin ne forlasas sed konsilas kaj instruas. La juna lernanto ĉeestas desegnan kurson; ĝi ne okazas ĉe la « Patrino » : tie la kursoj estas rezervitaj nur al la kunuloj. Dugrada estis la metia instruado; la unua kompletis la instruadon dum la lern-tempo; ĝi estis direktata aŭ kune de speciala kunulo akceptinta tiun taskon aŭ sole de maljunaj en la laborejo ; ili estas konsiderataj kiel profesoroj kaj konsilantoj por la junuloj, kiuj intencas kunuliĝi ; la zorgantoj de junaj laboristoj kontrolas ilian laboron, ilian libertempon, iliajn vizitojn.

La dua grado, ĝenerale farata ĉe la « Patrino » celis perfektigi ilian metiistan lertecon kaj formi unuaklasajn laboristojn, verajn artistojn, kiuj kunhelpos al la kreado de la ĉefverko kaj fariĝos poste desegno-profesoroj ; la societo estis Majstro por siaj anoj.

Sed krom tio, ĝi sin okupis pri la morala vivado de l'anoj; al ĉiu ĝi donis familion kaj hejmon. Ĉie, kie iras adepto, li trovas loĝejon kaj manĝajojn, koran akcepton, diligentajn zorgojn. Ĉiujn malgrandajn servojn nun mone faratajn de hotelistoj li senpage ricevis je l'unua peto. Se ŝirita estas lia tolaĵo, ĝin flikas la « Patrino » ; se li estas malsana, ŝi lin flegas ; se li disputadis kaj alvenis vundita, ankaŭ ŝi bandaĝis liajn vundojn.

Vespere, ĉiuj denove renkontiĝas kaj ĝoje kunparolas, fumas, ludas kartojn aŭ domenojn, kelkfoje kantas — kaj rapide venas la dormhoro : la junulo ne enuas je sia antaŭa hejmo.

Sed eĉ plej bonaj laboristoj povas fari negravan delikton kaj esti pro tio malliberigataj. Ankaŭ pri tio sin okupas la societo ; la ĉefkunulo iras al la juĝisto kaj petas permeson vidi la malliberulon, al kiu li donas monon kaj havigas advokaton ; se li estas vokata antaŭ la tribunalon, ĉiuj kunuloj ĉeestas la tagon de la juĝado, atestas pri lia honesteco kaj certigas al li sian simpation. Sed ne same estis por malhonestaj agoj.

Ni jam diris, ke la societo punis la nepagantojn, sed pro tia negravaĵo, la eksigo estis nur provizora. Sed ŝtelinto aŭ kondamnito pro krimo ne povis sin prezenti ĉe iu « Patrino ». Se la viktimo de tiu ago estis la « Patrino » aŭ kunulo, la societo mem fariĝis juĝanto kaj punanto — kaj kruela estis la puno ; poste oni bruligis liajn kolorajn rubandojn kaj jetis lin ekster la pordon.

Ĉefe por helpo al malsanuloj sin montras la frateco de la kunuloj. Se unu malsanis hejme aŭ ĉe hospitalo, li estis vizitata dufoje semajne, kaj pli ofte se necese ; li ĉiutage ricevis dum la unua monato 30 spesdekojn, dum la du sekvantaj 20 sd ; poste li ricevis bonvolan monhelpon. Se iu estas grave malsana, ĉiuj lin laŭvice gardas dum la nokto ; se la malsano rezultis el batalo intencita de la suferanto aŭ el akcidento pro nesingardemo, li ne profitis monhelpon ; same por diboĉaj malsanoj.

Mortintan kunulon ĉiuj silente akompanis laŭ du vicoj ĝis la preĝejo kaj la tombejo ; la ĉerkon portis kvar aŭ ses adeptoj ; ili staris ĉirkaŭ la tombo, iu parolis pri la ecoj de la mortinto, kaj ĉiuj genue preĝis.

Se kunulo devis foriri el la urbo, li avertis la ĉefkunulon, kiu donos al li forirkarton kun ĉiaj informoj ; antaŭe li zorgis, ĉu ĉe Patrino kaj ĉe la mastro ĉio estas regula ; sen tiu karto li ne estus akceptata en alia loko.

La foriro estis okazo de stranga kutimo : la konduko. Kiam li eliris, ĉiuj lin akompanis laŭ speciala ordo : unue li kaj la « rouleur », kiu portas liajn bastonon kaj pakaĵon ; la aliaj sekvas laŭ du vicoj, kantante kaj portante bastonon, glason kaj botelon. Malproksime de la urbo, oni haltas, trinkas, sin reciproke kisas kaj disiĝas.

Se la vojaĝanto renkontis homon kun bastono kaj rubandoj, ambaŭ interparolis kaj sin interdemandis ; se ili apartenas al la sama Devo, ili manpremas kaj kuntrinkas je la sama botelo. Se ne, ili malestime rigardas unu la alian, interŝanĝas insultojn kaj ofte batojn.

Sed fine, la kunulo restis en urbo por fariĝi mastro; li avertis la societon pri sia eksiĝo, dankis ĝin kaj promesis koran akcepton al ĝiaj adeptoj ; li tiam ricevis specialan ateston, ke li lojale plenumis sian devon.

Emile Souchay,
labor-konsulo (Parizo).

## NOTOJ

∴ *La Ligo de Patrinetoj.* — Tio estas la nomo de unuiĝo de lernantinoj en la aĝo de 8-12 jaroj, kiu fondiĝis antaŭ tri jaroj en New-Yorko. *The little Mothers league*, kiu jam havas 22.000 anojn, estas fondita por disvastigi instruon pri la flegado de suĉinfanoj en la familioj de la malaltaj popolklasoj. Oni trovis, ke la junaj lernantinoj estas pli facile instrueblaj pri laŭracia flegado de suĉinfanoj ol ofte iliaj patrinoj kaj ĉar ili ofte en la laboristaj familioj devas gardi siajn gefratojn plijunajn, ili estas speciale gravaj kiel peruloj de la higieno. La instruado okazas unufoje posemajne en la lerneja halo per la lerneja kuracisto aŭ dum varmego vespere en la tegment-ĝardenoj de la lernejo. La kuracisto kvazaŭ babile donas informojn pri la danĝeroj, kiuj minacas la suĉinfanon per erara nutrado kaj manka pureco, kaj klarigas tion per koloraj bildoj kaj priparolas la kontraŭrimedojn. La flegist'no praktike montras la banadon, lavadon, pudradon, aplikadon de la vindaĵo kaj pesadon de l'suĉinfano. Precipe oni instruas la uzadon de la lakto, la purigadon de la boteloj kaj suĉiloj. La infanoj ekzercas sian lernaĵon en siaj familioj ; ofte ankaŭ ili alkondukas la patrinojn al la instruado. Por varbi la knabinojn por tiuj sendevigaj instruadoj la lernej-estraro donas al ĉiu knabino, kiu partoprenis 6 lecionojn pri flegado de suĉinfanoj, membro-diplomon kaj la signon : broĉon el blanka metalo, per kiu ŝi estas kvazaŭ oficiale legitimita. La lernantinoj elektas unu el siaj kamaradinoj prezidantino, kiu ricevas la signon el oro. La patrinetoj per tio estas rajtigitaj interveni kontraŭ mis-statoj kiujn ili vidas ĉe fremdaj suĉinfanoj aŭ anonci tion al la sano-oficejo. — El *Berliner Tageblatt.*

∴ *La aŭtora juro en Brazilujo.* — Estas publikigita en Brazilujo leĝo pri aŭtora juro, kiu egaligas la rajtojn de la fremduloj kaj nacianoj koncerne kian ajn verkistan propraĵon, artan, sciencan aŭ literaturan. Tiuj rajtoj estas aplikeblaj, kia ajn estas la nacieco de iliaj aŭtoroj, ne nur se ili apartenas al nacioj kiuj aliĝis al la internaciaj kontraktoj pri aŭtora propreco aŭ al nacioj, kiuj per traktato konsentis la reciprokecon de reguloj pri la brazilaj verkoj. Tiamaniere en Brazilujo la verkistaj rajtoj estas samegale garantiataj al nacianoj kaj fremduloj laŭ la leĝo de iliaj respektivaj landoj.

M. Maranhao, *Del., Goyanna.*

# ○ LITERATURA PAĜO ○

## TRA LA ESPERANTA LITERATURO

*G. Chavet, G. Warnier.* — **Esperanto-Manuel** (7ª aldono). — Hachette & Cie, 79, boulevard Saint-Germain, Paris. — Prezo : Sm. 0.40.

La sepa eldono de « Esperanto-Manuel » antaŭ nelonge aperis sub ruĝa kovrilo en la kolekto de la Revuo. Laŭ la speciala antaŭparolo de la ĵusa eldono, la verko ricevis kelkajn gravajn plibonigojn : ŝanĝo en la ĝenerala plano por faciligi la komencajn lecionojn, grupigo de la vortoj laŭ ilia senco, plena reverko de la ekzercoj, k, t. p.

Ĉu tiuj ŝanĝoj vere plibonigis la lernolibron ? Nur la uzintoj kaj praktikintoj de la renovigita instruilo rajtos respondi tiun demandon.

Prave S-oj Chavet kaj Warnier forigis 2-3 nebonajn tekstojn kaj ilin anstataŭigis per kelkaj (eble ne sufiĉe multaj. Zamenhofaj citaĵoj, interalie la bela poezio Al la Fratoj (p. 6). Neutile estus detale recenzi la tutan verkon. Ĝin tralegante mi faris la sekvantajn prigramatikajn aŭ privortarajn rimarkojn.

La donita regulo (p. 49) : *Por ke* estas *ĉiam* sekvata de la ordona modo, estas tro absoluta. Ĉu jena frazo « Por ke vi *faris* tian eraron, vi momente perdis la saĝon » ne estas tute logika kaj korekta ? — Malkorekta estas la ekzempla frazo (p. 119) : Li estis tia, ke mi pensis (*kiel* mi pensis !) Multe tro detalaj estas la modeloj de verboj (pp. 59, 78) : la tiel simpla esperanta konjugacio aperas preskaŭ same malsimpla kiel la franca. Mi bedaŭras, ke oni ne forigis la vorton *subjunktivo*. En Esperanto, la propozicioj estas memstaraj, sendependaj ; sekve subjunktivo ne ekzistas, sed nur ordondezira modo (imperativo optativo). La vorto *subjunktivo* nur erarigas la lernantojn kaj naskas oftajn malkorektaĵojn. Kun miro mi legis (pp. 108, 109) ke la « simplaj vortoj » *ial, iel, ia, ties, ĉia, neniel, nenia*, k. a. estas malmulte uzataj kaj ke la lernanto malbezonas ilin memori. Laŭ mia opinio, tiun tabelon de la simplaj vortoj malprave oni kvazaŭ timeme kaj senkulpige prezentas al la lernantoj ; male, ĝi estas unu el la multaj mirindaĵoj de la Zamenhofa gramatiko. Pri ĝi S-ro Aymonier (Autour de l'Esperanto, p. 62) tre bone diras : « La tabelo de la simplaj vortoj estas ĉefverketo de logika reguleco, konstruita laŭ la modelo de la greka lingvo.... » Li klare montras, kiom facile memorigeblaj estas tiuj simetriaj vortetoj kaj konkludas per citado de la opinio de S-ro Butler : « Tiu tabelo estas majstraĵo kaj genie sigelstampas la verkon de Zamenhof ».

Cetere multe pli grava kaj riproĉinda estas la enkonduko en la novan eldonaĵon (ĉu por ke ĝi fariĝu la inda kaj necesega kunhelpanto kaj « komplemento » de fama vortaro kiun kondamnis la Akademio) de kelkaj neologismoj, kies enŝovo en lernolibron estas malutila kaj eĉ danĝera : *prononco, bufedo* (en senco de telermeblo), piano (fortepiano), inventi, incendio, parentezo, inundi, heziti. Pri tiaj vortoj prave diras S-ro Aymonier (en la suprecitita verko, p. 32) : « Tiu (idista) metodo celas aldoni internacian (?) duoblaĵon al ĉiu vorto, kiun formas la memstara derivado de la lingvo. Duobligita estas la peno de la lernanto. Sed estas io pli grava : Sendube estas, ke se en la interparolado la Esperantistoj povas tiel facile interkompreniĝi, la kialo estas, ke la vortaro estas malvasta, kvankam sufiĉa ; ke la samaj radikoj, multobligitaj per la afiksoj, ofte reaperas ; ke la malkomprenoj estas des malpli timindaj, ju pli la vortoj estas plej malmultaj kaj pli zorge elektitaj por eviti tiun danĝeron. Per senfine kreskonta vortaro, la interkompreniĝo fariĝus pli kaj pli malfacila.

Tia estas ankaŭ la opinio de preskaŭ ĉiuj esperantistaj lernantoj, kiujn la neologisma manio nur tedas kaj riskas fortimigi.

Preseraroj (p. 144) : ĝarnedo (ĝardeno), justa (ĝusta).

*Wilhelm Raabe.* — **La Nigra Galero**, el germ. lingvo trad. *Fritz Wicke.* — Centra eldonejo por esp. kaj stenografio. Magdeburg, Kaiser-Friedrichstr. 1. — Prezo : Sm. 0,50.

« La Nigra galero » estas historia romaneto de W. Raabe, germana rakontisto, kiu vivadis de 1831 ĝis 1911 jaro. La rakonto rilatas la terurajn militojn, kiujn ĉirkaŭ la jaro 1599, la Flandranoj faris kontraŭ la Hispanoj por reakiri sian liberecon.

Dum mallumega nokto la Nigra Galero kondukata de l'kuraĝega « geŭzo » Jan Norris, fianĉo de la ĉarma Myga van Bergen, silente suprenglitas la Skeldon ĝis Antverpeno, surprizatakas kaj forkaptas la ŝipegon « Andrea Doria » kaj samokaze liberigas Myga'n, rabitan de la hispana ŝipestro.

La originalo estas verkita en romantika kelkfoje tro deklama stilo, sed la rakonto estas dramvigla kaj de la unua ĝis la lasta linio vere interesplena. La stilo de la traduko estas ĝenerale bona ; multaj estas ne ofte renkontitaj kunmetitaĵoj kaj trafaj esprimoj, ekz. : ŝiprabi, velveturi, trinksaluti, fisone, remilpiedoj, lia koro ekfrapis, k. t. p. sed multetaj ankaŭ estas la malkorektaĵoj, ekz. unu de (unu el), en la momento ke (kiam), dum ke (dum), karulina filino (kara), karulajn kornetojn (karajn), oni aŭdis nenion plu ol (krom), ankrigitaj (ankritaj), deksescent (mil sescent), kiom da tempo estis pasinta ke (de kiam) estis de la zorgoj (unu el la z.), ĉiu forto, ĉiu sango (tuta), haltu lin (haltigu), resisti (rezisti, 46), kaj se 68 (eĉ se), vekigita 69 (vekita), la plej kuraĝaj de 75 (el), kelkaj de 76 (el), k. t. p.

La sekvantaj vortoj estas malĝuste uzataj (senco aliigita) : estimi (36, 61), fundo (ne *tero*, *grundo*, sed la plej profunda parto, bazo, ekz. la marfundo 56), majstri 40 (mastri, estri, potenci) ; grava nubaro 58 (peza n.), imago 59 (bildo), fuganta (68), radio da sango (73).

Senutilaj neologismoj (akuzi (47), rivalo (52), rigilaro (?), superba (64, 66).

Multaj italaj aŭ hispanaj vortoj kaj esprimoj estas senŝanĝe enkondukitaj, kompreneble laŭ la originala teksto. Tiaokaze estas bone ilin apartigi per signetoj aŭ kursivaj literoj.

Pro tiuj makuloj mi ne povas senŝanceliĝe rekomendi la legadon de tiu krom-tio-leginda 84-paĝa verketo.

**Tutmonda biblioteko je la memoro de L. Tolstoj**, trad. *Anna Ŝarapov* kaj *N. kabanov.* — Librejo « Posrednik » (Peranto), Moskvo, Arbat, 36. Naŭ broŝuretoj, sume 0,75 Sm.

La eldona firmo « Posrednik », fondita de Tolstoj en 1885 kaj kiu estas nun esperantia entrepreno, ĵus komencis eldonadon de libroj en la lingvo Esperanto sub la ĝenerala titolo « Tutmonda Biblioteko ». Ĝi inaŭguris tiun kolekton per la traduko de naŭ rakontoj de Tolstoj : *Dio- unu por ĉiuj ; Unu animo en ĉiuj ; Unua ŝtupo* aŭ senmortiga nutrado ; *Per kio homoj estas vivaj ; Dio vidas veron, sed ne baldaŭ diros ; Du maljunuloj ; Kie estas amo, tie estas Dio ; Sieĝo de Sebastopolo ; Kaŭkaza militkaptito.*

Tiuj tradukoj estas bonaj, kelkaj eĉ bonegaj, tre legeble presitaj. Rekomendindaj estas tiuj oportunaj libretoj, kiuj ne nur faciligos lernadon de korekta Esperanto, sed ankaŭ instigos « al frata kunhelpado kaj kunlaborado de homoj por komuna bono ».

Kelkajn pristilajn rimarkojn tamen mi faros. La esprimo *por ke* antaŭ infinitivo (por ke trairi), kiun ofte uzas niaj rusaj samideanoj, estas malkorekta (por trairi, por ke (li) trairu). *Disĉiplo* estas malbele kripligita radiko (disciplo). Vid. ankaŭ kartoĉoj (9, p, 70) kaj kartuŝoj (8, p. 44). Ĉu la senco ne estas sama ?

VERTO.

# ESPERANTISMO

## KRONIKO

**Novaj grupoj kaj societoj.** — En *Bartfa* (Hung.). fondiĝis Esp. grupo.

En *Ansbach* (Germ.), ŝanĝo de l'grupa estraro : P. : F-ino H. Mark, K. : S-ro M. Reutter, S. : F-ino A. Hirsch, 1. VP. : S-ro K. Junge, 2. VP. : S-ro E. Umlauft.

**Novaj Kursoj.** — En *Kolomea* (Gal.), 3 kursoj gvidataj de S-ro Kuzma.

En *Radebeul* (Saks.), la unua kurso kun 15 anoj, instruas S-ro K. Hammer.

En *Innsbruck* (Aŭstrio) oni publikigis inviton al Esp. kurso Instruonto : S-ro L. Blaas.

En *Stryj* (Gal.), Kurso kun pli ol cent lernantoj gvidata de S-roj Antonio kaj Wundermann.

**Paroladoj.** — En *Kolomea* (Gal.), parolado de la fama piedvojaĝanto S-ro M. Romano en la ĉambrego de *Ukraina Narodnyj Dim* antaŭ ĉirkaŭ 200 personoj. Oni anoncis la paroladon per granda afiŝo verkita en kvar lingvoj. — K.

En *Stryj* (Gal.), du paroladoj de S-ro M. Romano en la ĉambrejo de l'urbodomo : Impresoj el mia piedvojaĝo kaj komparo de la turkaj kaj eŭropaj moroj. Aŭskultis 200 personoj.

## DIVERSAĴOJ

∴ *Direktoro de edukado kaj Esperanto.* — Ankoraŭ alia ekzemplo de la sukceso de Esperanto, kie la nacia lingvo malsukcesis !

Antaŭ kelkaj monatoj la Edukada Aŭtoritato de la provinco Warwickshire (Anglujo), starigis sistemon de poŝtkarta interŝanĝado inter la Warwick'aj infanoj kaj la infanoj de Zurich (Svisujo) kaj Milan (Italujo), sed pro tio, ke la infanoj ne interkomprenis, la sistemo malsukcesis. Tamen, unu instruisto, kiu estis farinta sian eblon por sukcesigi la aferon ĉe siaj lernantoj, estante Esperantisto, instruis al kelkaj siaj lernantoj nian lingvon, kaj havigis al ili multajn alilandajn korespondantojn, kun kiuj ili ne nur interŝanĝadis multnombrajn poŝtkartojn, sed ankaŭ korespondadis pri diversaj aferoj, tiamaniere reciproke plibonigante sian edukadon.

La Direktoro de Edukado de la provinco skribis antaŭ kelkaj semajnoj al la instruisto, demandante, kiel progresas la Milan'a interŝanĝada afero, kaj la instruisto devis sciigi al li pri ĝia malsukceso kaj klarigis la kaŭzon. Tamen, li samtempe skribis al li pri sia propra sistemo, kaj kiel pruvo de ĝia sukceso, kunsendis pakajon da poŝtkartoj ricevitaj de la infanoj, kaj klarigis, ke la adresoj estis elĉerpitaj el « Esperanto ». Li ricevis tre kuraĝigan respondon de la Direktoro, kiu tre interesiĝis pri l'afero, kaj opiniis, ke Esperanto estas tre utila por ebligi al anglaj infanoj interrilatiĝi kun alilanduloj. Li ankaŭ anoncis sian intencon (kun la permeso de la instruisto) enmeti en sian venontan kvaronjaran raporton, paragrafon pri l'afero, kaj konsili al instruistoj en la provinco, ke ili skribu al nia samideana instruisto. Krom tio — kaj jen estas la plej grava punkto — li certigis, ke li petos, ke la Edukada Komitato pagu la poŝtkostojn de tiaj Esperantistaj poŝtkartoj, kiel ili ĝisnune faris pri la poŝtkartoj al Milano kaj Zurich. Se la Komitato konsentos, tio montros, ke Esperanto ricevos ilian oficialan aprobon, kaj tial ni kore esperas ke la klopodoj de nia samideano alportos bonan rikolton. — H. A. Epstein (Del. Londono).

∴ *Esperanto dum la Eŭkaristia Kongreso.* — La katolikaj esperantistoj el Wien kaj el la eksterlando partoprenis ankaŭ la kongreson eŭkaristian en Septembro de ĉ. t. j. La 11-a je la 8-a vespere prezidanto de « Hungarlanda Esp. S. » lia prelata Moŝto D-ro Giesswein Esperante en la Canisiuspreĝejo kaj parolis en tiu lingvo ankaŭ litanion kaj benon. Post la diservo kunvenis la katolikaj samideanoj kaj okazis starigo de la Ligo de katolikaj esperantistoj en Aŭstrio.

La grandan procesion je la 15-a partoprenis la katolikaj esperantistoj kune kun anoj de « Kath. Gesellenverein », portante kun si la flagon de l' « Internacia katolika kongreso esperantista » sanktigitan sur « Montserrat » en Hispanujo. La aŭstriaj katolikaj esperantistoj dediĉis al tiu flago standardrubandon de la kongreso.

∴ *Naŭa Kongreso de Esperanto.* — La *Naŭa* okazos en *Genova* de la 31-a. de Aŭgusto ĝis la 7-a de Septembro Ĉiuj samideanoj, kiuj estos sendintaj la kotizaĵon da 6 Sm., al la Kongresa Komitato (adreso : Kongreso de Esperanto, Genova (Italujo) ricevos senpage de tiam la gazeton *Itala Esperantisto*, kiu detale raportos pri la preparoj de la Kongreso. — I. E.

## TRA LA GAZETARO

∴ *British Esperantist* (Oktobro) sub la titolo « Orienten kun la Verda Standardo » publikigas vivplenan rakonton de S-ro H. B. Mudie, prezidanto de U. E. A., pri postkongresa vojaĝo de Esperantista karavano tra la orientaj landoj ; ĉie estis renkontataj Esperantistoj, kiuj fervore helpis al la karavanuloj, speciale en Reichenhall, Buda-Peŝt, Belgrad, Sofia, Pleven, Rusĉuk, Bukarest, ktp.

∴ *Mitteilungen des Rheinisch-Westfalischen Esperanto-Verbandes* estas la nomo de nova bulteno, kiu estos organo de la Rejna-Vestfalia Esperanto-Ligo « Revelo ». Adreso : F. Pillath, Fried Krupp, A. G. Essen.

∴ *Blanco i Negro* (Ĉilio). — S-ro A. Castillo aperigis artikolon pri la gramatika konstruo de Esperanto.

∴ *L'Illustrazione Ligure* (Genova). — La n-ro de 1-okt., enhavas la kongresan paroladon de D-ro Zamenhof kaj ses aliajn esp. artikolojn.

∴ *Münchner Neueste Nachrichten* en N-o 510 publikigas longan artikolon pri la Parkurbo Esperanto.

∴ *La Touraine Républicaine* (Tours) aperigis la 29 sept., interesan statistikon pri U. E. A. kunmetitan de la Del. M. Patin.

∴ *Le Journal* (Paris). — La N-o de 25 sept., enhavas noton ke Esperanto estas akceptita de la telegraf oficejoj.

∴ *The Warwick Argus* (Angl.). — En N-o de 22 aŭg., longa artikolo pri la VIII-a kongreso.

∴ *Le Journal de Valence* (Franc.). — Invito al senpagaj kursoj organizataj de la tiea grupo.

∴ *The Boston Herald* (Usono). — La Nov-Angluja Telefona kaj Telegrafa kompanio en N-o 85 per granda anonco invitas la Delegitojn viziti siajn centrejojn kaj inspekti siajn aparatojn kaj funkciadmetodon.

∴ *L'Union Républicaine.* — Nia Del. S-ro Thom en Montbeliard aperigas artikolojn pri U. E. A.

Publikigis artikolojn pri Esperanto :

∴ *L'Eclair* (Paris) en N-o de 27 julio, 4, 14, 21 aŭg.

∴ *Excelsior* (Paris) en N-roj de 29 julio, 8, 14, 17, 20, 21 aŭg.

∴ *L'Illustration* (Paris) en N-o de 1 sept.

∴ *Les Annales* (Paris) en N-o de 8 sept.

∴ *Le Courrier de l'Allier* en N-o de 4 sept.

∴ *La Tribune* kaj *Le Progrès du Loiret*. Ambaŭ gazetoj en Orléans represas en siaj lastaj N-oj la artikolon pri U. E. A., publikigitan de S-ro Génermont en *Le Journal de la Famille*. — F. F.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Grava Avizo. — Ni informas niajn Delegitojn kaj nian membraron, ke sekve de la ĝenerala voĉdonado la membra kotizaĵo estas de nun fikista je 1 spesmilo. Ĉar la administra jaro de U. E. A., komeniĝas la 1-an de novembro, tiu kotizaĵo estas de nun repagebla. Ĉiuj personoj nun aliĝantaj aŭ realiĝantaj estos membroj ĝis la 31-a de Oktobro 1913. Oni estas petata pagi la kotizaĵon al la regiona Delegito, aŭ, se ne estas, al la Centra Oficejo de U. E. A.**

**Voĉdonado pri financa reformo.** — La voĉdonado pri la financa reformo de U. E. A., liveris je la 1-a de Oktobro, difinita tempolimo, la jenajn rezultatojn :

Voĉdonintaj Delegitoj : 59.

Voĉoj esprimitaj : 83.

I. Plialtigo de la kotizaĵo ĝis 1 Sm. : 69 jes ; 14 ne.

II. Starigo de garantia kapitalo kaj la konsekvenca ŝanĝo pri la dumviva membreco : 81 jes ; 2 ne.

III. Forigo de la kategorio de aprobantoj : 76 jes ; 7 ne.

Konsekvence la tri punktoj de la financa reformo estas akceptataj kaj la Statuto konforme modifata.

Jen estas la paragrafoj de la Statuto, kiuj ricevis ŝanĝon sekve de tiu voĉdonado :

§ 5. — La Asocio konsistas el :

Membroj aŭ Esperantianoj (jaraj aŭ dumvivaj) ;

Esperantiaj entreprenoj (1-jaraj aŭ 3o-jaraj) ;

Esperantiaj Asocioj ;

Honoraj membroj.

§ 6. Estas membro de U. E. A. (Esperantiano) ĉiu persono, kiu, akceptinte tiun Statuton, elpagas jaran kotizaĵon da 1 Sm., aŭ dumvivan kotizaĵon da 50 Sm.

§ 8. — Forigita.

§ 57. — La elspezoj de U. E. A. konsistas el :

*a)* La kotizaĵoj de la diverskategoriaj membroj ;

*b)* La monhelpoj, donacoj, ktp. ;

*c)* La profitoj de la diversaj, vendoj, ktp faritaj de U. E. A.

Por forigi eventualajn deficitojn kaj helpi al la starigo de novaj servoj povos esti starigata garantia kapitalo, kies administrado estos fiksata per speciala regularo.

§ 58. — En ĉiu regiono estas regiona kaso de U. E. A., kies enspezoj konsistas el :

*a)* Forigata.

*b)* La 1/10 de la kotizaĵoj de la Esperantiaj Entreprenoj de la regiono ;

*c)* Ĉiuj monhelpoj kaj donacoj formale difinitaj por la regiona kaso. La organizo kaj kontrolo de tiu regiona kaso estos fiksata per speciala regularo.

§ 59. — La regionaj Delegitoj ricevas por pagi siajn administrajn elspezojn :

1-e. La 1/5 de la kotizaĵoj de la regionaj membroj.

2-e. La 1/10 de la kotizaĵoj de la Esperantiaj Entreprenoj de la regiono.

**Distriktoj.**

Laŭ diversaj petoj, la C. O. de U. E. A., reviziis la aranĝon kaj konsiston de la francaj distriktoj. Tiu laboro estis komisiita al S-ro Génermont, antaŭa Del., en Parizo, kiu ĝin plenumis post enketo ĉe la francaj distriktaj delegitoj.

Jen la nova dismeto de la francaj departementoj laŭ la distriktoj de U. E. A. :

*Norda Francujo :* Nord, Pas-de-Calais, Somme.

*Normandio :* Calvados, Eure, Manche, Orne, Seine-Inférieure.

*Pariza distrikto :* Aisne, Oise, Seine, Seine-et-Oise, Seine-et-Marne.

*Orienta Francujo :* Ardennes, Aube, Haute-Marne, Marne, Meuse, Meurthe-et-Moselle, Vosges.

*Okcidenta Francujo :* Côtes-du-Nord, Deux-Sèvres, Finistère, Ile-et-Vilaine, Loire-Inférieure, Morbihan, Vendée.

*Centra Francujo :* Cher, Eure-et-Loir, Indre, Indre-et-Loire, Loir-et-Cher, Loiret, Maine-et-Loire, Mayenne, Sarthe, Vienne.

*Centro-Suda-Francujo :* Allier, Cantal, Creuse, Corrèze, Dordogne, Haute-Vienne, Lot, Puy-de Dôme.

*Burgonjo Kaj Ĵura :* Belfort, Côte-d'Or, Doubs, Haute-Saône, Jura, Nièvre, Saône-et-Loire, Yonne.

*Sud-Orienta Francujo :* Ain, Ardèche, Drôme, Hautes-Alpes, Isère, Haute-Loire, Haute-Savoie, Loire, Rhône, Savoie.

*Sud-Okcidenta Francujo :* Ariège, Basses-Pyrénées, Charente, Charente-Inférieure, Gers, Gironde, Haute-Garonne, Hautes-Pyrénées, Landes, Lot-et-Garonne, Tarn-et-Garonne.

*Suda Francujo :* Alpes-Maritimes, Aude, Aveyron, Basses-Alpes Bouches-du-Rhône, Corse, Gard, Hérault, Lozère, Pyrénées Orientales, Tarn, Var, Vaucluse.

**Nacilingvaj propagandaj folioj.**

Nova eldono de niaj nacilingvaj propagandaj folioj pri U. E. A., estas nun en preparo. Nova aranĝo ebligos al ni liveri tiujn foliojn pli malkare ol antaŭe.

**Statistiko.**

Jen la movado de la korespondaĵoj ĉe la C. O. de U. E. A., dum la monato septembro.

| Ricevitaj | Mandatoj | Forsenditaj |
|---|---|---|
| 1.096 | 135 | 2.037 |

Tuta sumo : 3.268. Antaŭa monato : 1.540. Antaŭa jaro (sama monato) : 2.214.

**Financoj.**

*Konteltiro de U. E. A. de Aŭgusto 1912*

| Debito | Sm. | Kredito | Sm. |
|---|---|---|---|
| Loĝejo | 19.60 | Kotizaĵoj | 75.81 |
| Oficejo | 12.90 | Subtenantoj | 2.00 |
| Salajroj | 141.00 | Aprobantoj | 0.50 |
| Korespondado | 8.00 | Esperantiaj Entreprenoj | 20.84 |
| Materialo | 2.40 | | 99.15 |
| Presaĵoj | 27.44 | *Saldo* | 126.21 |
| Jarlibroj | 14.02 | | |
| | 225.36 | | 225.36 |

*Fakaj Kontoj*

| Debito | Sm. | Kredito | Sm. |
|---|---|---|---|
| Interŝanĝa Fako | 19.36 | Interŝanĝa Fako | 6.44 |
| | | Laborista Fako | 1.00 |
| | 19.36 | | 7.44 |
| | | *Saldo* | 11.92 |
| | 19.36 | | 19.36 |

*Konteltiro de U. E. A. de Septembro 1912.*

| Debito | Sm. | Kredito | Sm. |
|---|---|---|---|
| Loĝejo | 19.60 | Kotizaĵoj | 64.22 |
| Oficejo | 7.86 | Esp. Entreprenoj | 20.00 |
| Salajroj | 261.50 | Reklama servo | 4.00 |
| Korespondado | 100.00 | | |
| Materialo | 40.80 | | 88.22 |
| Presaĵoj | 37.44 | *Saldo* | 395.38 |
| Jarlibroj | 16.40 | | |
| | 483.60 | | 483.60 |

*Fakaj Kontoj*

| Debito | Sm. | | Sm. |
|---|---|---|---|
| Saldo | 6.50 | Interŝanĝa Fako | 6.00 |
| | | Vitrina Fako | 0.50 |
| | 6.50 | | 6.50 |

**Novaj Del., kaj Subdel.**

Arnhem (Nederlando, Gelderland). — D. : Johannes Ket, ĉefkonduktoro, 46, Nael-Tynnegieterstraat.

Grossen-Mulde (Germanujo, Saksujo). — D. : Clemens Rudert, komercisto.

Freiburg-i-Bre. (Germanujo, Badujo). — D. : F. Antoine Wehinger, apotekisto, 54, Schillerstr.

Glen Cove, N. Y. (Usono, New-York). — D.: Robert Colquhoun, 609, Box.

Jerusalem (Azia Turkujo). — D. : P. Ernst Schmitz, direktoro.

Kronstadt (Rusujo, Peterburg gub.). — D. : Ernst Wilhelm Drezin, studento, 33, Visokaja.

Lutterbach (Germanujo, Elsass). — D. : Camille Adam.

Riedisheim (Germanujo, Elsass). — D. : Paul Keller, bankoficisto, 20, Kirchstr.

Seelingstadt (Germanujo, Saksujo). — D. : Franz Salzbrenner, fruktkulturisto.

Saint-Andrews (Skotlando). — D. : James T. Haxton, 131, South Str.

Saint-Saens (Francujo, Seine-Inférieure). — D. : Ernest Morisset tanejo de ledoj, Place Maintenon.

Tetschen (Aŭstrio, Bohemujo). D. : F-ino Hedwig Elbracht, instruistino, 16, Kreuzstr.

**Ŝanĝoj.**

Aalborg (Danujo). — D.: Edvard Alfred Hansen, librotenisto, 24, Prinsensgade.

Astrahan (Rusujo). — D. : J. A. Semizorov, Oficisto, 20, Ivanovskaja.

Chateau-Thierry (Francujo, Aisne). — D. : Georges Delanoue, direktoro de banko, 2, rue Drugeon-Lecart.

Cordoba (Hispanujo). — D. : Laureano de Tapia y Tallez, ŝtatoficisto, 13 str. Juderia. — VD. : Julio Franquelo Facia, arkivisto, 2 str. Santa Clara.

Essen/Ruhr (Germanujo, Rheinland). — VD. : Emil Freitag, disponento, 12/11 Blumenthalstr.

Heliopolis-Kairo (Egiptujo). — D. : D-ro Henriko Ŝipek, kuracisto, Oaze Heliopole, vis-à-vis de Palac-Hôtel.

Ludwigburg (Germanujo, Württemberg). — D. : August Beck, komerca instruisto.

Madrid (Hispanujo). — D. : Vincente Alonse Sanz, kapitano, balle Sanchez Bustillo 3-2 deruha.

Peterburg (Rusujo). — D. : Rejngold Lorenson, kontoristo, 7 ul. Goroĥova.

Teruel (Hispanujo). — VD. : S-ino Dolores Battles de Eced, 13, Mercado.

Vendeuvre (Francujo, Aube). — SD. : Adolphe Cugnet, Place de la Mairie.

Vilna (Rusujo). — D. : Aleksandro Juĥnevič, str. 1 Turemny 8, loĝ. 5.

Werdau (Germanujo, Saksujo). — D. : Max Geissler, instruisto.

**Eksiĝoj.** (pro forveturo aŭ aliaj kaŭzoj).

Bellegarde (D. : Richard) ; Ostrau-M. (D. : Esterak, VD. : Krajiček) ; Peterburg (VD. : Lorenson) ; West-Kirby (F-ino Levis).

**Novaj Esperantiaj Entreprenoj.** (Por la jaro 1912-1913).

No 1. — Holden Fratoj, (London, W., 3, Harewood Place Oxford Street. Botfabrikistoj. Solaj fabrikistoj de « naturformaj » botoj, ŝuoj kaj ŝtrumpaĵoj ; de anatomiaj, higienaj kaj kuracigaj botoj.

No 2. — A. O. Fallek (London S. W), 71 Park Hill, Clapham. Altklasa presisto, litografisto, fabrikisto de kontlibroj. Presas katalogojn, prezlistojn, broŝurojn Specialaĵo : Presado en Esperanto, Angla, franca kaj germana lingvoj.

No 3. — Milton Temperance Hotel (London W. C.). Featherstone Building, High Holborn. Posedantino : S-ino Bodger. La hotelo estas lokita centre kaj kviete ; lito kaj matenmanĝo kostas de tri ĝis kvin ŝilingoj laŭ postuloj. Telegrafa adreso : Embayment Holb. London.

No 4. — Burroughs Wellcome et K-io (London E. C.) Snow Hill Buildings Fabrikistoj de bonegaj produktaĵoj vendataj sub la komercnomoj « Tabloid », « Soloid », « Kepler », « Hazeline », « Vaporole » ktp. Kuracilaroj por vojaĝantoj.

No 5. — F. Mildnet et K-io (London, E. C.), 140, Clerkenwell Road Esperantistaj presistoj. Specialaĵo : Libroj kaj katalogoj presitaj en Esperanto. Presistoj de « Esperanto Manual ».

No 6. — Internacia Virina Klubo kaj Loĝejo (London, W. C.). 7/9, Millmann Str. Great Ormond Str. Bloomsbury, lokita en Centra Londono ; elektra lumo kaj telefono ; amuzaĵa kaj lingvo-studada rondoj. Tarifo de Sm. 8.75 ĉiusemajne. Petu prospekton.

No 7. — Konigl. Bade, u. Brunnendirektion (Reĝa Baneja Direkcio), Bad Ems. — Akvo, pasteloj, fonta salo de Ems, kontraŭ kataro, raŭkeco, stomaka acideco, influenco ; aĉeteblaj en vendejoj de minerala akvo, apotekoj, drogejoj de ĉiu lando.

No 8. — Esperanta Enkasigo, Entrepreno por Germanujo, Thorn, adreso : civil-inĝenier Reimann, 05, Graudenzer Str., Aĉetas, diskontas, enkasigas, informas, germanlingven tradukas, ĉiaspece komisiiĝs, (maŝinoj, konstruaroj). Ĉekbank-konto, afrankilon aldoni.

No 9. — Teosofia Esperantista Ligo (Paris). (Re-aliĝo) P. : S-ino Dion-Trouillon, 145, bd. Malesherbes. Celas disvastigi teosofion inter Esperantistoj, faciligi la rilatojn inter diverslandaj teosofoj kaj propagandi Esperanton en teosofiaj rondoj.

# PARKURBO-ESPERANTO

*Internacia Loterio*

En diversaj klopodoj pri la bonstato de la konstruota Esperanta urbo, la propaganda Ligo Parkurbo-Esperanto ne forgesis ankaŭ multajn spiritajn pos tulojn de estontaj loĝantoj de la ĉefurbo de nia Esperantujo, kaj pro tio niaj energiaj entreprenantoj intencas konstrui en ĝi preĝejon, teatron, klubon, monumenton de nia Majstro, rifuĝejon por malriĉaj geknaboj, k. t. p.

Sed por efektivigi tiujn ĉi novajn, sendube, tre utilajn entreprenojn, memkompreneble, estas necesaj ankaŭ novaj elspezoj, kaj jen, por pligrandigi la kapitalon kaj altiri al laŭforta kunhelpo la tutan geesperantistaron, oni decidis aranĝi grandan *internacian loterion.*

La esenco de tiu ĉi Loterio estas jena.

1. La tuta kvanto da biletoj estas dividita je dek serioj po 100.000 biletoj en ĉiu serio.

2. Ĉiu aparta serio enhavas 9.000 gajnojn de 3 ĝis 1.000 Mark kaj la ĉefa gajno de la tuta loterio estas belega domo en PARKURBO kun granda ĝardeno kaj kun ĉiuj necesaj mastrumaj kortaj konstruaĵoj.

3. Ĉiuj do biletoj en ĉiuj dek serioj enhavas 90.000 gajnojn kies tuta sumo egalas al 400.000 markoj plus 25.000 markoj, la prezo de la lotumota domo.

4. Ĉiuj gajnaj kaj malgajnaj biletoj estas metitaj en intence preparitaj, maŝinfermitaj kovertoj, tute egalaj laŭ sia eksteraĵo, kiujn oni povas malfermi nur distranĉinte per tondilo aŭ tranĉilo.

5. La gajnoj estas pagataj de la Propaganda Ligo senprokraste tuj post la prezento de la gajninta bileto.

6. Post la disvendo de ĉiuj dek serioj kaj post disdono de gajnoj. okazos ankoraŭ ĝenerala loterio inter ĉiuj gajnintoj, dum kiu estos lotumita la ĉefa gajno, domo, tial ĉiuj, gajnintaj eĉ malgrandan sumon, estas invitataj konservi siajn biletojn (gajnintaj) ĝis la okazonta ĝenerala loterio.

7. Esperantaj societoj kaj grupoj, aliĝintaj al la Propaganda Ligo kaj samtempe aĉetintaj 500 (kaj pli) biletojn, ricevas por ĉiuj cent po ses biletoj senpage.

8. La prezo de ĉiu lotletero, enhavanta unu bileton, estas 50 Sd. (1 Mk.) ; por ĉiuj 20 aĉetitaj biletoj unu bileto estas aldonata senpage.

9. La biletoj povas esti vendataj nur al personoj, aliĝintaj al la propaganda Ligo.

10. La rezultatoj de la loterio estos publikigitaj en ĉiuj Esperantaj gazetoj.

Tiu ĉi vere internacia loterio estas rimarkinda pro tio, ke ĝi tute ne estas simila al multaj aliaj ofte aranĝataj loterioj, kiuj havas laŭordajn numerojn de gajnantaj kaj malgajnantaj biletoj dum ia antaŭe difinita tempo, kiam oni anoncas, kiuj numeroj gajnis kaj kiuj malgajnis. Ne! La lote-

rio de PARKURBO-ESPERANTO konsistas el gajnantaj kaj malgajnantaj biletoj, enmetitaj en zorgeme preparitaj kovertoj, kaj la posedanto de bileto, post la malfermo de l'koverto tuj povas scii, ĉu li gajnis kaj kiom nome, kaj, se li gajnis, li tuj mem povas ricevi monon, ne atendante ian antaŭe difinitan tempon.

Ĉiuj gajnoj egalas al 40 0/0 de la tuta sumo, t. e. por ĉiuj dek biletoj oni havas proksimume unu gajnon, kion donas nenia alia loterio.

La dismetado de l'gajnoj po 1.000, 600, 500, 400, 300, 200, 100, 40, 50, 40, 25. 20, 10, 5 kaj 3 markoj en lotleteroj, fermado kaj miksado de tiuj lotleteroj estis faritaj de la aparte elektita absolute konfidinda komisiono de la Propaganda Ligo, kaj nuntempe nek la membroj de tiu komisio, nek iu alia persono povas scii, en kiuj kovertoj estas gajnoj aŭ malgajnoj, kaj sendifekta malfermo aŭ sekreta esploro de la lotleteroj per la lumo tute ne estas eblaj.

Sed laŭ la leĝoj tia loterio estas permesata nur inter anoj de la sama societo, kaj pro tio la Propaganda Ligo estas liberigita de ĉiaj impostoj. Tamen vendi la biletojn de sia loterio la Propaganda Ligo povas nur al tiuj personoj, kiuj aliĝas al ĝi. Tial oni invitas ĉiujn rapidi kiel eble plej baldaŭ aliĝi al la Propaganda Ligo.

La Propaganda Ligo apartenas al la oficiale permesitaj societoj kaj estas enskribita en la reĝan societregistron — kaj tiamaniere la leĝo mem garantias ĉiujn aliĝintojn kontraŭ iaj ajn materiaj aŭ aliaj perdoj kaj malutiloj, ĉar laŭ la leĝoj ĉiu enregistrita societo respondas antaŭ la regno nur per la havo, apartenanta al la societo mem, sed ne al ĝiaj apartaj anoj.

Do, la devo de ĉiu konscia esperantisto estas subteni morale (nur morale!) niajn energiajn samideanojn en ilia entrepreno kaj senprokraste aliĝi al la PROPAGANDA LIGO aliĝi al ĝi siajn amikojn kaj konatojn kaj kiel eble plej larĝe disvastigi inter ili la sciigojn pri la Internacia Loterio.

Oni devas memori, ke la Propaganda Ligo estas unika societo, kiu ne postulas de siaj anoj kotizajon, ĉar la aliĝo estas tute senpaga kaj absolute senriska : la unika devo de aliĝinto estas la devo de ĝenerale ĉiuj esperantistoj — propagandi Esperanton kaj Esperantismon.

Dezirantaj havi pli detalajn informojn pri la afero, estas invitataj sin turni al la Propaganda Ligo PARKURBO-ESPERANTO, Pfandhausstr., 8, Munchen (Germanujo).

V. N. Devjatnin.

# Esperantia Parolejo

### Oni laŭdas!

∴ Al S-ro *J. Schmid*, Del Bern ;

1ᵒ « ... Ĉi tie mi vere trovis la « Paradizon ». Mi estas tiel kontenta, ke mi ne povas tion esprimi per vortoj. Dankon por via rekomendo, kiu estis tre valora... » Meggen (Esperanta Paradizo), 24-VII-1912. — Wallon (el Frankfurt/M.)

2ᵒ « ... Estas por mi agrabla devo, vin kore danki pri afableco. Dank' al nia Esperanta organizado (U. E. A.) mi faris vojaĝon vere tre agrablan... » Auxonne, 3-VIII-1912. — A. Narat.

3ᵒ « ... Samtempe mi kore dankas por senditaj sciigoj, kiuj tute sufiĉas kaj plene min informas pri la elmetita demando... » Vinkosvsci, (Hungarujo), 9-IX-1912. — A. Dekanovic.

4ᵒ « ... Bonvolu ricevi multajn dankojn pro via afableco sendi al mi la presaĵojn pri asekuro ktp., kiojn mi trovas tre interesaj kaj valoraj... » Adelaide (Australio), 14-IX-1912. — Department Of Agriculture.

∴ S-ro *Souchay*, Konsulo Parizo, dankas ges-rojn Sumfield en Pole gate kaj Nix, Del. Eastbourne, pro la tiel afabla akcepto al lia filino.

∴ El la monata raporto de S-ro *Epstein*, Del Londono, ni eltiras la jenajn informojn. « ... Mi faris 31 servojn dum aŭguste, el kiuj 5 por komerco, 6 por turismo, 9 al vojaĝantoj kaj 11 diversaj. Trapasis kaj vizitis Londonon 11 personoj el Francujo, Sud-Afriko, Gibraltaro, Yorkshire, Svisujo, Rusujo, Germanujo, inter ili speciale notindaj estis S-ro Th. Rousseau, Vicprez, de UEA, kaj S-ro E. Stettler, Vicdir, de UEA... »

∴ S-ino *Maria Bartholme* (Essen/Ruhr), multe dankas la anglajn geesperantistojn, — precipe al familio Parker en Shipley — kiuj havigis al ŝi tian belan ĝojoplenan libertempon. Ankaŭ sinceran dankon al helpemaj samideanoj en Rotterdam.

# Esperantia Vivo

**Translokiĝoj.** — S-ro *Génermont*, nia antaŭa Del, en Paris, loĝas de nun : 11 Square de la République, Moulins (Allier). — S-ro D-ro *Šipek* el Luhaĉovice depost la fino de oktobro denove loĝos en Heliopolis apud Kairo en Egiptujo.

# Nekrologio

Niaj legantoj ekscios kun granda bedaŭro, ke la morto forprenis de ni, dum la lastaj semajnoj, tri altvalorajn kaj ŝatatajn samideanojn.

S-ro Arthur Blott, la Honora Solicitoro de la B.E.A., estis unu el la unuaj Londonaj Esperantistoj. Jam en 1903 li partoprenis en la ĉarmaj ekskursoj al Boulogne kaj le Havre, kiuj funkciis kiel alkonduko al niaj grandaj Kongresoj.

Ne nur koncerne Esperanton li montris sin progresema. Li estis fervora klopodanto por la pliboniĝo de l' stato de la malriĉularo, kaj estis la unua, kiu proponis al tiuj senpagajn juristajn servojn. Ĝis sia edziĝo en 1905 li loĝis en la orienta malriĉa parto de Londono, kie li estis tre kore amata. Li estis la prezidanto de la Charing Cross Esperanto Klubo, kaj lia morto, kiu okazis la 23-an de Aŭgusto, je la juna aĝo de 54 jaroj, lasis gravan mankon inter la britaj Esperantistoj.

∴

S-ro James Speirs, naskita en la jaro 1842, en Paisley, Skotlando, estis Sekretario jam de 40 jaroj de la Swedenborga Societo Londono. Li fariĝis Esperantisto en 1904 kaj ĉeestis la Kongresojn en Ĝenevo, Cambridge, Dresdeno, kaj Krakovo. Dank' al lia iniciativo, la Swedenborga Societo jam eldonis Esperantajn tradukojn de la verkoj de Swedenborg, kaj funkciis kiel eldonisto por multaj verkoj kiel, ekzemple, la *Esperanto Manual, Alicio en Mirlando, Tatterley*, k. t. p.

Lia morto okazis en la bela Danub-urbo Linz, dum lia revenvojaĝo de la Krakova Kongreso. Li estis Membro de la Komitato de la Internacia Propagandejo Esperantista.

∴

Dum la Nacia Germana Kongreso en Danzig-Zoppot, okazis la plej bedaŭrinda morto de nia fama samideano dresdena, S-ro Léopold Elb, kiu ludis tiel grandan rolon dum la Kvara Kongreso. S-ro Elb estis sperta Lingva-Komitatano, kaj fervorege direktis, kun helpo de kelkaj komisiitaj kolegoj, la fundamentan laboron pri pretigo de oficiala *Esperanta Komuna Vortaro*. Lia laboro en tiu rilato estis efektive Herkulesa, ĉar li plej konscience elserĉis kaj interkompare enregistris ĉiun uzitan vorton el la diversaj naciaj Esp.-vortaroj kaj niaj plej bonaj verkistoj, aldonante poste en Esperanto difinon de l'senco.

Al la familioj de tiuj sindonemaj samideanoj ni esprimas niajn sincerajn kondolencojn.

B. E.

# Alvokoj

## Esperanto por laboristoj

Grupo de italaj laboristoj dezirus Esperanten tradukigi kaj presigi elementan teknikan lernolibron por manlaboristoj, kiu, tradukita en Esperanto, estus uzebla de la diverslandaj laboristoj kaj multe utilus al ilia interligiĝo kaj profesia pliboniĝo. La samideanoj kiuj estus pretaj preni sur sin tradukadon de parto de la dirita libro, estas insiste petataj sin turni al la suba adreso. (La originalo de la verko estas en germana lingvo).

Colautti,
Segratario del gruppo bottaj,
Castelnuovo-merli. *Friuli* (Italujo).

## Reformo de l'Kalendaro

En 1910 en Londono okazis kongreso de la Komercaj Ĉambroj, kiu detale pridiskutis la reformon de l'kalendaro kaj decidis antaŭenpuŝi la aferon. Laŭ ĝia deziresprimo la svisa registaro akceptis la [illegible] prepari diplomatian konferencon por la [illegible] solvo de la demando. Jam kelkaj ŝtatoj promesis sendi Delegitojn al tia konferenco.

Intertempe la svisa registaro ricevadis 30 diversajn projektojn pri la intencita reformo. Inter tiuj 30 proponoj 14 estas redaktitaj en Esperanto; la aliaj 16 estas en 7 diversaj naciaj lingvoj. Ĉar ankoraŭ dum kelkaj monatoj estas ricevataj eventualaj proponoj, ni atentigas ĉiujn Esperantistojn, kiuj iel interesiĝas pri la demando, aŭ kiuj konas homojn interesiĝantajn pri ĝi, ke ili sendu aŭ sendigu siajn proponojn *nur* en Esperanto maŝine skribita al la adreso « Conseil fédéral » aŭ « Schweizerischer Bundesrat » (Federala Konsilantaro) en Bern, Svislando.

Estas dezirinde ke multaj esprimu almenaŭ sian konsenton al la principo pri reformado de la Kalendaro.

Estas ankaŭ efika propagando por nia bela lingvo.

Ĉiuj Esperantistaj gazetoj estas insiste petataj, nepre represi ĉi tiun alvokon.

Berno, Septembro 1912. J. Schmid. L. K.

## Specialaj kursoj por nefrancaj studentoj

La *Nancy'a* Universitato havas kvar tre gravajn Fakultatojn : Fakultato de Juro (Place Carnot), de Filozofio (pl. Carnot), de Matematiko kaj Fiziko (Porte de la Craffe) kun institutoj de Ĥemio, de Elektro-Teknikarto kaj meĥaniko, lernejo por bierfarado, ktp., de Medicino (rue Lionnois) kun institutoj de Anatomio, Seroterapio, Dentkuracistarto. La Universitato havas ankoraŭ altan Lernejon de Farmacio. En la Universitato instruas profesoraro konsistanta ĉirkaŭ el 120 membroj kaj estas enmatrikuligitaj proksimume 2.000 studentoj.

Ekzistas ankaŭ en Nancy :

Nacia Lernejo por Arbaristoj, rue Girardet, 12;

Nacia konservatorio de Muziko, rue Chanzy, 4;

Urba Lernejo de Belartoj, rue Jeanne-d'Arc;

Alta komerca Lernejo, 27, rue des Jardiniers;

Praktika Lernejo por Terkulturo, en Tomblaine, apud Nancy.

Ekzistas en Nancy de kelkaj jaroj, *specialaj kursoj de franca lingvo* por nefrancaj gestudentoj kiuj ĉiujare fariĝas pli multenombraj, ĉar ili ĉiam tre ŝatas ne nur la pentrindan kaj tre oportunan situacion de l'urbo (proksima de la germana landlimo) sed ankoraŭ la artajn belaĵojn de Nancy kaj precipe la tre praktikajn kursojn organizitajn por ili.

La kursoj, kiuj estas farataj de profesoroj de la Universitato aŭ de la liceo, konsistas el tri serioj :

Vintra kurso (de Novembro ĝis fino de Marto);

Somera kurso (de Aprilo ĝis fino de Junio);

Libertempa kurso (de Julio, ĝis fino de Oktobro).

La enskribiĝo por iu ajn serio kostas 50 frankojn (30 fr. por la specialaj kursoj). Por pruvi sian identecon, estas konsilinde prezenti paperon, ekzemple ateston pri naskiĝo.

Ekzistas *speciala biblioteko* por gefremduloj : Libroj necesaj povas esti pruntedonataj; oni povas labori en la libroĉambro (Enirpago por tuta serio, 5 fr.).

*Atesto pri regula ĉeestado je la kursoj* (2 fr.) povas esti donata al la studentoj kiam ili forlasas l'Universitaton.

*Ekzamenoj kaj diplomoj* : Je la fino de ĉiu periodo la gestudentoj povas fari ĉu la ekzamenojn de « Alliance française » ĉu la ekzamenon nomitan « Certificat d'Etudes françaises de l'Université de Nancy ».

En ĉiu periodo, la instruado konsistas el :

a) *Praktikaj ekzercoj* (gramatikaj ekzercoj, diktatoj, legado, fonetiko, paroladetoj kaj skribaj verkaĵetoj, en franca lingvo, tradukoj el germana, angla au rusa lingvo en francan);

b) *Kursoj* (Franca filologio, fonetiko, legado de francaj, verkistoj, franca literaturo, franca historio kaj geografio).

Por ĉiaj informoj la nefrancaj samideanoj, kiuj deziras veni Nancy'on por studi la francan lingvon estas insiste petataj sin turni al S-ro Maresquelle, prof. ĉe la liceo, kiu estas ankaŭ profesoro je la diritaj kursoj kaj Del. de UEA. Adreso : 109, rue Isabey Nancy (Oni ĉiam sendu respondkarton aŭ kuponon).

## Peresperanta paroladvojaĝo

Estas certe en bona memoro la paroladvojaĝo pri Kalifornio de sinjoro Parrish el Los Angeles, kiu en 250 eŭropaj urboj povis, danke Esperanton, prezenti al la publiko la belaĵojn de sia lando. Entuziasmigita per tiu ĉi maniero de propagando kaj per la sukceso de sinjoro Parriŝh, mi decidiĝis entrepreni similan vojaĝon, celante atentigi pri la **ĉefurbo de reĝolando Bohemujo Praha** kaj per tio samtempe helpi la propagandan klopodon de niaj samideanaj kluboj.

Mi estas firme konvinkita, ke la temo, akompanata de *120 artiste koloritaj lumbildoj* de la plej fama bohema pentristo Spillar, altiros atenton de ĉiu gasto, kaj juĝante laŭ la entuziasmo, kiun la vizito al Praha, unu el la *plej belaj* urboj de Eŭropo, vekas en ĉiu fremdulo, mi esperas, ke sufiĉos en via rondo iom da propagando por garantii ankaŭ plenan sukceson al mia parolado. Pri tiu ĉi sukceso mi estas certa, ĉar ne sole influaj korporacioj, kiel ekz. *Urbestraro de la ĉefurbo Praha, komerca ĉambro en Praha, la Bohema nacia konsilantaro kaj Bohema landa ligo por akceli la turisman movadon en Bohemujo* favore subtenas tiun ĉi entreprenon, sed mem la konvena vintra sezono garantias multnombran gastaron ankaŭ el publiko neesperantista, por kiu estas miaj paroladoj tradukotaj nacilingven de iu el via rondo.

*La programo* de la vojaĝo *(decembro 1912 — fino de aprilo 1913)* : Praha — Okc. Germanujo — Nederlando — Belgujo — Francujo — Hispanujo — Alĝerio — Suda Francujo — Svisujo — Italujo — Samos — Bulgarujo — Rumanujo — Serbujo — Hungarujo — Galicio — Ruslando — Svedujo — Norvegujo — Danujo — Anglujo — Germanujo — Praha.

(Samideanoj, loĝantaj en la nomitaj landoj, bonvolu *senprokraste* sciigi al mi, ĉu ili deziras, ke mi vizitu ilian urbon, por ke mi povu laŭ ebleco ĉiun kontentigi.)

Por ke ĉiu societo, eĉ la plej malgranda, povu akcepti mian proponon kaj laŭeble mem gajni per la parolado novajn financrimedojn kaj samtempe altiri atenton al nia lingvo, mi fiksis por *unu parolado 17 Sm* (40 K). La reklamelspezoj, ĉambrego, lumo ktp. estas pagotaj de la klubo mem, kiu prizorgos ankaŭ la aparaton por lumbildoj.

Esperante, ke vi uzos tiun ĉi proponon por subteni mian laboron kaj por helpi la propagandon de Esperanto en via urbo, mi petas vian favoran respondon malplej frue *antaŭ la 15. de novembro 1912.*

*Adresu* ĉiam, ankaŭ dum mia vojaĝo : Sinjoro Prof. Aug. Pitlik, *Praha III., Jansky vršek 3. (Bohemujo.)*

Prof. Aug. Pitlik,
*membro de U. E. A.*

## Peto al Dentistoj

De la 13. ĝis la 16. de decembro okazos en Habano la « Unua Nacia Kongreso de Dentistoj ». Kun permeso de la Kongresa Komitato, mi parolados ĉe la Kongreso pri Esperanto. Por tio mi bezonas sciigojn pri la rilatoj inter Esperanto kaj la Dentistaro : tiujn sciigojn mi petas do la dentistoj esperantistaj. Ankaŭ mi ĝoje

ricevus salutleterojn, Esperante verkitajn de dentistoj : ilin mi transdonos al la Kongreso. Mi antaŭdankas ĉiujn helpontojn.

D-ro ALEMAN, Ruiz, Apartado 1324, Habano (Kubo).

### Grava Peto

Por akiri fidindan statistikon koncernantan la disvatiĝon kaj uzadon de Esperanto en ĉiulandaj entreprenoj, mi petas la samideanojn, komuniki al mi la adresojn de la firmoj (de sia lando aŭ urbo), kiuj 1er korespondas en Esperanto, 2e eldonis Esperantan prospekton, prezaron aŭ katalogon (se eble sendu aŭ sendigu po unu ekzemplero), 3e. alimaniere uzas aŭ subtenas Esperanton.

Sendu tuj al Oskar ZIEGLER, Stuttgart (Germanujo) Bopserstr. 8.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L= *letero.* PK =*poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* b. fl. = *bildflanko.*

BOULOGNE-SUR-MER (Francujo). — F-ino Louise Haignéré, instruistino, 149, rue du Moulin à Vapeur, PI.

BRUSELO (Belgujo). — Sro. V. Lamberts, poste restante-Nord, PI. bfl. (kun ĉiuj landoj).

BUENOS-AIRES (Argentina resp.) — Sro. V. Albamonte (Casilla lo) Str. Bartolomé Mitre 479, PI. PM. (france kaj esperante).

DOBROMIL (Austrujo, Galicio). — Sro. Jan Kwolek. PI. belaj, precipe koloraj.

DRESDEN (Germanujo, Saksujo). — Sro. Oswald Zœphel, sekreta sekretario en la milita ministerio, 5 Wasserstr. PI.

GROSS-OLSA/RABENAU (Germanujo). — Sro. Kurt Hammer dez. korespondi kun samideanoj, kiuj partoprenos la 9-an kongreson en Genova.

KOLOZSVAR (Hungarujo). — Sro. Emeriko Koka, PI. PM. (escepte aŭstriaj kaj germanaj).

LUCK (Rusujo, Wolynska). — S-ro Josef Wojcikiewicz, Ostrozec, librotenisto de Administrejo Ostrozec (interŝanĝi skemojn de terkulturaj libroj, fotografaĵojn, PI., PM.)

MONTEVIDEO (Urugvajo). — S-ro Raŭl V. Idoyaga, Casilla de Correo 303, PI., K. (kun ĉiulandaj samideanoj, escepte francaj, anglaj, germanaj, aŭstriaj kaj rusaj. Respondo laŭ deziro per 2 aŭ 3 kartoj).

NARVA (Rusujo, Estlando). — Sro. Aleksander Aksel, Ŝveda-Finskaja semlja, dom. No. 402-12, PI. (kun ĉiuj landoj).

OLOMOUC IV. (Aŭstrujo, Moravio). — Sro. Louis Cigna, studento, Resslova 6, PK. PM. (kun ĉiuj landoj).

OLOMOUC IV (Austrujo, Moravio). — Sro. Miloš Korinek, gimnaziano, Mozartstr. 35, PK. PM. (kun ĉiuj landoj).

OMSK (Rusujo, Siberio). — Sro. V. Holsčevnikov, rue Plotnikovskaja 41, PI.

PETERBURGO (Rusujo). — Sro. Leonido Vasiljev, teknika komitato, Teatralnaja ul., L. (pri Esperanta teatro kaj kolektado de Esp. teatrajoj).

PHILADELPHIA (Usono). — S-ro C. C. Coigne, 2.467 E. Cumberland str. (kun teozofoj ; pri praktika organizado de Esp. Teoz. Movado ; nur L.).

POLSKA OSTRAVA (Aŭstrujo, Silezio). — Sro. Rudolf Staš, studento, učitelsky ustav 988, PI. L.

PORTLAND (Usono, Oregon). — Sro. P. C. Schwarzman, 31 Second Street.

PRAHA VII. (Austrio, Bohemujo). — Sro. J. Krupiĉka, u. Academie, 230, PI. PK. (kun ĉiuj landoj).

RIO DE JANEIRO (Brazilujo). — Sro. Dominiko Nebo, Rua Menezes Viera No. 134 (Antigua Invalidos).

SABYDELL (Hispanujo). — Sro. J. Guillem, str. Salua 127. — Sro. A. Bringuer, str. Font. 34. — Fino. M. Hors, str. Convento 90.

SEELINGSTÆDT BEI WERDAU (Germanujo, Saksujo). — Fino. Hertha Salzbrenner, 17-jara, (pri hejma vivado ktp., partoprenos eble la 9-an kongreson en Genova kun sia patro, D. de UEA.)

SEMILY (Aŭstrujo, Bohemujo). — Sro. Stanislav Nozicka, imposta oficisto (kun ĉiulandaj Esperantistoj).

SM RNA (azia Turkujo). — Sro. Panayroti Styhanopoulo, rue Elmassoglon, no 27.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

ALTESTIMATAJ FAVORANTOJ DE MUZIKO. — Mi plezure akceptus okupon en iu urbo en Rusujo, kie samtempe povus prosperi muziklernejo. Kie orkestro ankoraŭ ne ekzistas, mi volonte ĝin fondus. Karaj samideanoj, koran dankon por sciigoj, al kiu mi povus min turni en ĉi tiu afero. Frant. Vokas, kuracloka kapelestro en Roznov, Moravio, Aŭstruio.

ATENTU : Riprezentantojn por niaj ĥemiaj fabrikaĵoj serĉas, ĉiuloke Dro. Ed. Arnold, Berlin N. 54, Lothringerstr.

BONAN APETITON. — Manĝokarto en 6 lingvoj por vojaĝontaj eksterlanden. Prezo 10 SD. en poŝtaj markoj aŭ respond-kuponoj. Revendistoj ricevas rabaton. Ig. Tejchfeld, Jerozolimska 89 — Varsovio (Rusujo).

DANKO. Al ĉiuj, kiuj bonvolis nin gratuli pro nia edziĝfesto, ĉu parole, depeŝe, letere aŭ poŝtkarte, ni esprimas nian plej koregan dankon. Sam Ŝulc kaj edzino — Lodz.

ESPERSTENO : Alfaro de la Pitman'a Sistemo de Stenografio al la postuloj de Esperanto. Prezo : Sm. 0.50 (aŭ 5 responkuponoj) afrankite. Havebla ĉe la Aŭtoro, J. Catton, Oswald Road, Saint-Albans, Anglujo.

25-JARA FRAŬLO, ruso, deziras edziĝi je alilanda Esperantistino. Rusujo, Slob. Nikolaevskaja, Astraĥansk, gub., Carevsk, u. E. M. Tiĥonov.

GLUMARKOJ. — Mi deziras eldoni specialan ilustritan katalogon de Esperantaj « GLUMARKOJ » kun plena priskribo kaj informoj. Ĉiuj eldonintoj de glumarkoj estas petataj sendi po unu ekzempl. kun klarigoj : dato de eldono ? eldonejo ? desegnisto ? prezo ? plena adreso ? ktp. al Georg Davidov, Rusujo, Saratov, poŝtkesto 12.

INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO (I. P. R.), oficiala organo de Internacia Asocio de Instruistoj (I. A. I.). Membra kotizaĵo por unu jaro kun la monata revuo : 1 Sm. (fr. 2.50). Administracio : Boomsch steenweg, 444, Antverpeno, Belgujo.

RIPREZENTADO. — S-ro V. Jakovlev, Del. U. E. A., deziras riprezenti en Ĥarkovo (Sud-ruslando) komercajn firmojn. Oni sendu proponojn : Pasaĝ, 39 ĉe Mazmanov, por Delegito.

LIBREJO ESPERANTO en Montevideo deziras havi komercajn kaj pri Esperanto propagandajn interrilatojn kun similaj alilandaj firmoj, t. e. Esperantaj eldonejoj, librovendejoj, papervendejoj, k. t. p. Oni petas ankaŭ la alsendon de katalogoj, specimenoj, prezaroj, k. s. — Adreso : Libreria Esperanto (Munoz kaj K-o), strato 25 de Mayo 471. Montevideo (Urugvajo).

LA PACPARLAMENTO KAJ ĜIA ORGANIZO. — Informoj ktp. : Inf. Kapt. B. J. Klingenberg, Kristiania (Norvegujo) Sm. 0.15 (du respondkuponoj) afrankite. Aldono : intermita sciigo N-o 2 : ankaŭ du respondkuponoj. Librovendistoj ensendu mendojn.

POŜVORTARO. — Tre interesa libro por hispanlingvanoj kaj fremduloj vizitontaj latinajn landojn. Enhavas pli ol 10.000 radikojn. Lukse bindita 2 Fr. Adresu al S-ro X. Tuduri, S. Sebastian (Hisp.).

SERIOZA RIPREZENTADO. — Firmo kiu tion serĉas en Germanujo, por enkonduki iun ajn artikolon, donu adreson kun proponoj al : H. Fischer, 46, Westwall, Krefeld, German. (Ili mem pagas vojaĝkostojn).

TRADUKISTOJ estas serĉataj ĉiuloke. Bonan profiton. Skribu : Josefo Iparriz, Via Scala 6, Gorizio (Aŭstrujo).

*La Administranto (Gérant)* : MICHAUD

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo).

